2003
88-a Universala Kongreso de Esperanto
Göteborg

# KURIERO 1

KONGRESA KURIERO DE LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO · GÖTEBORG, LA 26-AN DE JULIO 2003

HODIAŬ

## *Kuriero* informos vin ĉiutage

Ĉiun kongresan tagon ĉi tiu publikaĵo informos vin pri la kongreso mem kaj, laŭeble, iom pri la okazaĵoj ĉirkaŭ ĝi. Ĝi ne aperos merkrede, kiam la kongresejo estos fermita kaj la kongresanoj ekskursos dise tra Svedio aŭ private konatiĝos kun la kongresa urbo, sed cetere atendos vin ĉiun matenon nova numero ĝis la fina sabato.

Kutimaj partoprenantoj de niaj kongresoj scias, ke en ĉiu UK aperas Kongresa Kuriero, sed ke ĝi dum la lastaj jaroj havis iun aŭ alian fantazian nomon. Ĉi-jare ni decidis esti radikalaj kaj nomi la Kurieron *Kuriero*.

Legu regule la *Kurieron*. La *Kongresa libro* donas al vi preskaŭ ĉiujn bezonatajn informojn. Ili estis ĝisdataj, kiam ĝi estis finredaktita, sed povas subite okazi io, kio devigas al ŝanĝoj de la programo. Kelkaj detaloj pri la kongreso eble ne ankoraŭ estis pretaj tiam: jen la *Kuriero* kompletigas la *Kongresan libron*. Dum la komencaj kongresaj tagoj daŭre aliĝas novaj kongresanoj, pri kies ĉeesto ni ankaŭ informos. Ankaŭ iliajn kongresajn numerojn kaj nomojn vi trovos en la *Kuriero*.

Sed ankaŭ io plia. Iom post iom alvenos raportoj pri okazintaj eroj, pri eldiroj, resumoj de paroladoj, kiujn vi eble maltrafis. *Kuriero* helpos vin, almenaŭ duamane, konatiĝi ankaŭ kun tiuj okazintaj eroj.

Tiu ĉi *Kuriero* havas ankaŭ elektronikan eldonon. Ĝi estas integra parto de t.n. *Virtuala kongresejo*, novaĵo enkondukita en ĉi tiu UK. Per *Virtuala kongresejo* ankaŭ la nekongresanoj dise tra la mondo povas iom sekvi la laborojn de la kongreso — almenaŭ tiuj, kiuj havas aliron al interreto.

Ili ne povos sperti la spiriton de vera internacieco, kiu regas en niaj Universalaj Kongresoj, sed vi povos iom helpi en tio, sendante al ili saluton, bilde kaj voĉe. Se iu turnos sin al vi kun la demando, ĉu vi volas sendi saluton, ne hezitu kaj lasu sin aŭ lin registri kelkajn vortojn de vi al aliaj! Jam samtage ili estos aŭdeblaj en Japanio, Brazilo, Nov-Zelando, Benino kaj en ĉiuj landoj, kie ekzistas esperantistoj kun interreta kunligo.

**Franko Luin**

# Bonvenon al la pinta aranĝo de la esperanto-mondo!

Ĉu vi konscias, ke vi estas privilegiita persono? Ekzistas miloj, dekmiloj da esperantistoj, kiuj ĝojegus, se ili povus troviĝi en via situacio: dum tuta semajno sperti la internaciecon de niaj kongresoj, babili senĝene ĉiutage en nia lingvo, aŭskulti la koncertojn de niaj artistoj, la prezentojn de niaj aktoroj, aŭskulti erudiciajn prelegojn -- eĉ se nur parton de la enhavo ni komprenos.

Jes, tio estas privilegio. Mi memoras el miaj junaĝaj jaroj, kiel mi legis raportojn pri UK-oj en foraj landoj, foraj ne nur en fizika senco. Fine mi spertis la unuan kaj kun sama ĝuo mi alvenis al ĉiu posta. Ili estas kaj samaj kaj unikaj. Ni rekonas la tradiciajn erojn — ni volas, ke ili okazu, kiel ni spertis ilin dum la pli fruaj kongresoj —, sed ĉiu el ili estas ankaŭ unika pro nenombrebla kvanto da detaloj.

### Testas novajn ideojn

Ĉi tiu gotenburga kongreso eble estos pli unika ol kelkaj aliaj. Jam dum la pasintjara UK en Fortalezo naskiĝis la ideo, ke ni uzu ĉi tiun UK por testi kelkajn novajn ideojn. Unu el ili, eble la plej radikala, estas ke la inaŭguro okazas en lundo, ne en la tradicia dimanĉo. Jam pli frue oni priparolis tian ŝanĝon, sed ne kuraĝis realigi ĝin. Eble la UK en Telavivo, kie la kongreso eĉ ne komenciĝis en sabato, montris, ke ĉio eblas.

Alia teste de novaj ideoj estas la programbloko de la dimanĉo — vidu la alian flankon de ĉi tiu *Kuriero* —, kun tuta mozaiko da diversaj programeroj. Kelkajn vi rekonos el la antaŭaj kongresoj, aliajn oni estus realiginta jam pli frue, sed ne trovis taŭgan formon por ili. Via partopreno en ili montros, kiom dezirindaj ili estas.

Tria nova ideo, kiu ankaŭ naskiĝis en Fortalezo dum interparolo de du prezidantoj (tiu de UEA, Renato Corsetti, kaj de LKK, Roland Lindblom) kaj kelkaj kongresanoj, estis komence demando, ĉu eblus malfermi la kongreson ankaŭ al tiuj, kiuj ne havas la privilegion povi veturi al la UK, sed havas la privilegion, ke ili havas interretan kunligon, do kreo de iaspeca *virtuala kongresejo*. Kion oni komprenu sub tiu nomo, ne estis tute klare; oni lasis al la LKK priesplori la eblecojn. Kaj la LKK trovis kelkajn helpantojn kun ideoj kaj prezentas iaspecan solvon. Ĝi eble ne estas ideala, sed espereble komenco de io, kio pliboniĝos de UK ĝis UK.

Tiu ĉi lasta nova ideo ne tre tuŝos vin, ĉar ĝi celas la esperantistojn dise tra la mondo: ebligi al ili sekvi niajn laborojn tagon post tago, eĉ horon post horo. Se revuo Esperanto atingis vin antaŭ via forveturo al la UK, vi eble scias, ke *Virtuala kongresejo* estas legebla, rigardebla kaj aŭskultebla ĉe la adreso **www.uk-2003.net**. Vi povos konsulti ĝin ankaŭ post via reveno hejmen kaj eble aŭskulti prelegon, kiun vi maltrafis.

### . . . kaj retenas la tradiciajn

Sed, kompreneble, vi travivos dum ĉi tiu kongreso ankaŭ la kutimajn programpunktojn, ek de la Interkona vespero — eble kun iuj surprizeroj — Solena inaŭguro kun la tradiciaj salutoj, la komitatkunsidoj de UEA, la fakaj prelegoj de IKU, la tuta aro da fakaj kunsidoj, kaj tiel plu. *Kongresa libro* donas al vi la detalojn pri multaj el ili, ni ne bezonas ripeti ilin ĉi tie.

Kaj kompreneble vi kaptos la okazon konatiĝi kun la gastantaj urbo kaj lando, partoprenante al unu aŭ pluraj el la ekskursoj. Unuopaj lokoj povas ankoraŭ esti haveblaj: rapidu demandi ĉe la giĉeto!

**Franko Luin**

## Kongresa stampo

Ankaŭ en ĉi tiu kongreso la poŝtaĵoj sendotaj de vi povos ricevi specialan poŝtstampon. Enkestigu viajn bildkartojn aŭ leterojn en la tiucelan leterkeston kaj oni aranĝos tion.




Sed atentu! Se vi havas urĝan komunikon, ne uzu tiun leterkeston. Ĝin oni malplenigos nur en la lasta kongresa tago, tiel ke ĉiuj poŝtaĵoj estos stampitaj la 2-an de aŭgusto kaj tiun tagon pluiros al la ricevonto.

ONI RIDAS

*. . . en Gotenburgo pri Kal (t.e. Karlo) kaj Ada, la paro, kiu estas ĉiuj aliaj paroj en la urbo — nu ne ekzakte ĉiuj, ĉar la superaj klasoj ne tre volonte identiĝas kun Kal kaj Ada, kun troamo al kelkaj trinkaĵoj kaj ŝia ne tute konvencia vivmaniero. Sed se ili ne identiĝas, ili des pli volonte rakontas ŝercojn pri ili. Ekzemple ĉi tiun:*

Kal tartas postfestene kaj eniras kafejon por reĝustigi la alkoholbalancon.

—Ĉu mi povas ricevi bieron?

—Ni ne servas bieron ĉi tie, oni respondis al li. Ĉi tio estas abstinencula kafejo.

—Mi ja rimarkis, ke la pordo tre rigide malfermiĝas.

# Gratulon! Dum ĉi tiu UK vi estas rete kontaktebla

Ne gravas, ĉu vi vivas en "interreta ombro" (esprimo de LKK-ano, kiu vivas tute senprobleme sen interreta kunligo) aŭ pasigas horojn ĉiutage ricevante kaj sendante retmesaĝojn: dum ĉi tiu Universala Kongreso estas asignita al vi tute persona retadreso, kiun viaj konatuloj povas utiligi por sendi al vi rapidajn mesaĝojn. Ĝi funkcios nur dum la kongresa semajno kaj estas integra parto de la mesaĝsistemo funkcianta en la UK. La mesaĝon vi ne bezonos serĉi en la interreto, ĝi serĉos vin pere de la Mesaĝtabulo.

Via retadreso estas <via_kongresa_numero@uk-2003.net>. Se via kongresa numero, ekzemple, estas 1999, vi havas la retadreson 1999@uk-2003.net. Se viaj familianoj aŭ geamikoj (aŭ laborkamaradoj) bezonos rapide kontaktiĝi kun vi, petu ilin sendi retmesaĝon al via kongresa retadreso. Iru poste al la Mesaĝtabulo kaj kontrolu regule, ĉu alvenis mesaĝoj por vi. Vi ricevos ilin skribe, sur papero.

Se vi bezonas respondi rete, la Mesaĝtabulo ne povos helpi vin. Ni trovis en la telefonkatalogo informojn pri du interretaj kafejoj, kiujn vi povus uzi: Janemans IT-Palats sur Viktoriagatan 14, aŭ Krasnopolsky Internetcafé sur Storgatan 41. Ambaŭ estas ioman distancon for de la kongresejo. Bedaŭrinde ni ne povis aranĝi tiaspecan kafejon en ĉi tiu UK — eble iu el la venontaj sukcesos pli bone.

Sed atentu, ke vi ne uzu ĉi tiun adreson pli longe ol dum la kongresa semajno. Tuj post la fermo de la kongreso la retadreso ĉesos funkcii — krom tio ne ekzistos ebleco plusendi iujn mesaĝojn al vi, ĉar ankaŭ la Mesaĝtabulo ĉesos funkcii.

Kiel pluraj aliaj eroj en ĉi tiu kongreso, ĉi tio estas testo de nova ideo. Se ĝi montriĝos utila kaj bezonata, eble ankaŭ la venontaj UK-oj aranĝos similan solvon -- aŭ pli bonan. Se montriĝos, ke tute mankas intereso pri tio — nu, ni ne ploros.

ŜANĜOJ

## La Interkona vespero sur Placo Esperanto

Laŭ la Kongresa libro la Interkona vespero devus okazi en salono Engholm ek de la 20-a horo. Atentemuloj jam rimarkis, ke salono Engholm estas uzata por Libroservo. Evidente okazis eta eraro dum la kompilado de la Kongresa libro.

Sed la eraro estas malgranda. Se vi direktas vin al salono Engholm, vi devos pasi la vastan areon, kiu ricevis la nomon **Placo Esperanto**. Tie okazos la interkona vespero.

Aliaj atentemuloj, kiuj iom provis konatiĝi kun la kongresa urbo, atentigos, ke ja ekzistas vera *Placo Esperanto* en Gotenburgo (*Esperantoplatsen*). Se vi iros tien, vi ja povas okazigi interkonan vesperon kun aliaj unuopaj esperantistoj, kies paŝoj kondukis ilin tien. Oni povas veturi tien ankaŭ per aŭtobuso 85. Iu flustris en mian orelon, ke la haltejo *Järntorget* estas nur mallongan distancon for de *Placo Esperanto*. Sed ne atendu ion majestan. Oni laboras sur la placo — simile kiel ekster nia kongresejo — tial la aspekto estas iom ĥaosa.

Se vi restos en la kongresejo kaj interkonatiĝos kun la aliaj kongresanoj, vi povos sekvi la programerojn, per kiuj la LKK planis interrompi jen kaj jen la vesperajn horojn. Nenio granda, nur kelkaj neformalaĵoj por distri vin kaj helpi vin orientiĝi en la bunta kongresa programaro.

# La dimanĉa programo, kiun vi ne trovas en la Kongresa libro

Ĉi-jare por la unua fojo ni prezentas nian serion de klerigaj kunsidoj. Oni venas al kongreso ne nur por amuziĝi, ne nur por fari organizan laboron, sed ankaŭ por lerni. Jen la celo de la dimanĉa programo. Ĉiu kunsido ne nur enhavos siajn formalajn prezentojn, sed ankaŭ donos abundan tempon por libera diskuto inter la publiko. La publiko siavice rajtas elekti kiun ajn programeron en kiu ajn parto de la programo, sed ni ankaŭ klopodis aranĝi la kunsidojn sub ĝeneralaj temoj — pri lingvo (do, aspektoj de la lingvistiko kaj socilingvistiko de Esperanto kaj de aliaj lingvoj), pri agado (kiel fariĝi pli bona laboranto en la Esperanto-laboro), pri informado (kiel informi efike pri Esperanto al la ekstera mondo), pri movado (aspektoj de la historio kaj nuna stato de nia movado kaj ĝia rolo), kaj pri kulturo (sveda kaj internacia)

MOVADO

## Seminario pri la profesia apliko de Esperanto

Petro Chrdle, nia ĉefa specialisto pri tiu ĉi temo, verkis pri la profesia apliko de Esperanto, aperigis kiel eldonisto la verkojn de aliaj, kaj organizis konferencojn kaj seminariojn pri la temo. En tiu ĉi seminario, post koncizа klasifikado de profesia uzo de Esperanto, estos traktitaj precipe specifaj trajtoj, per kiuj la profesia agado per Esperanto diferenciĝas de tiu uzanta naciajn lingvojn. Ĉar la gvidanto posedas eldonejon kaj vojaĝagentejon, en kiuj Esperanto estas uzata jam 10 jarojn samrajte kun la ceteraj tri laborlingvoj, li donos ekzemplojn precipe de tiuj kampoj.

*9:00–10:30, salono Lundgren*

MOVADO

## Esperanto kaj religio

Leif Nordenstorm, mem pastro, verkis pri la Oomoto-movado kaj studis la rilaton inter religio kaj la Internacia Lingvo. "Oni ne povas koncize priskribi la rilaton inter religio kaj Esperanto," li asertas: "diversaj religioj estas tre malsamaj. En kelkaj malgrandaj religioj, kiel Oomoto, bahaismo (ne tiel malgranda) kaj brazila spiritismo la ideo pri internacia lingvo estas grava. En la grandaj religioj la nombro de esperantistoj estas tre malgranda, tamen ekzistas ekzemploj ke esperantistoj povas kontribui per io originala al la religia vivo, kaj tiel ludi apartan rolon."

*10:45–11:30, salono Lundgren*

INFORMADO

## Informado estas pli ol scioj. Prelego kun simulludo

Gvidos Ziko M. Sikosek. Kiu volas publik-agadi por Esperanto, tiu devas havi sciojn pri la fenomeno Esperanto kaj pri la teknikoj de informado. Sed la vera defio estas: kontakti homojn, fari bonan impreson, esti simpatia. Tiu ĉi programero preparu vin por tio. Post enkonduka prelegeto okazos akompanataj diskutrondoj kaj fine simulludo, en kiu 'esperantistoj' renkontos 'ĵurnalistojn'.

*9:00–11:30, salono Langlet*

AGADO

## Landa agado: Modeloj kaj ekzemploj

Kion ni povas lerni el la spertoj de unuopaj landaj asocioj? Gvidantoj de landaj asocioj, inter ili Povilas Jegorovas (Litovio), Claude Longue-Epée (Francio) kaj Maritza Gutiérrez (Kubo), parolos pri la sukcesoj kaj defioj en la propraj landoj.

*9:00–11:00, salono Nylén*

LINGVO

## Eŭropa identeco kaj eŭropa lingvo

Zlatko Tišljar, kiu aperigis libron pri la temo kaj mem organizis konferencojn pri ĝi, pridiskutos la demandon pri la kreo de eŭropa identeco pere de komuna eŭropa lingvo. Eŭropa identeco kaj eŭropa lingvo. "Eŭropa Unio," li asertas, "ne havas problemon de komunikado (ĝi povus esti pli bona, sed ĝi ja funkcias). Ĝi havas problemon pri tuteŭropa identeco (komuna konscio pri graveco de EU). Krom la ideologio necesa por en lernejoj evoluigi la amon al EU, nepras por tio ankaŭ komuna identeca lingvo kiel ĉefa ekstera signo de la identeco. Tiu devas esti neŭtrala, alikaze la diversaj popoloj en EU ne povas akcepti ĝin (ekzemploj de eksaj Jugoslavio kaj Sovetio). En tiu rolo Esperanto estas apud la latina la ĉefa konkuranto, se la politikistojn de EU ni konsciigos pri tio.

*9:00–9:45, salono Adamsson*

LINGVO

## Svedaj fakuloj rigardas Esperanton kaj la lingvan situacion

Bo Sandelin, de la Universitato de Gotenburgo, studis la utiligon de lingvoj en la scienco; li raportos pri siaj eltrovoj. Bertilo Wennergren lanĉis grandan projekton por krei lingvan korpuson en Esperanto; li estas jam konata pro sia granda rete alirebla gramatiko de Esperanto kaj sia laboro pri terminologio. Ebbe Vilborg estas la aŭtoro de la kvinvoluma Etimologia vortaro de Esperanto; li prezentos sian laboron al la publiko. Prezidos Probal Daŝgupto.

*10:00–11:30, salono Adamsson*

LINGVO

## Seminario pri interlingvistiko

"Ĉu Esperanto havas konkurencon? Rigardo en la aktualan planlingvan mondon." Per tiu ĉi temo la konata fakulo pri interlingvistiko, d-ro Detlev Blanke, donos enkondukon al la studado de planlingvoj. El ĉirkaŭ 1000 planlingvaj sistemoj — krom Esperanto — nur malmultaj eniris praktikon. La projekto-kvanto daŭre kreskas. La seminario traktos motivojn krei planlingvo(-projekto)jn, distingos inter projekto kaj lingvo kaj skizos la aktualan situacion de Volapuko, Ido, Occidental-Interlingue, Interlingua kaj Glosa. La respondo al la titol-demando: nes.

*11:45–13:30, salono Adamsson*

INFORMADO

## Informado, bezono por la movado

Dafydd ap Fergus, kiu gvidas la tre sukcesan informlaboron de la Brusela Komunikad-centro de la Eŭropa Esperanto-Unio, kaj Giorgio Bronzetti, kiu gvidas la informan laboron en Italio, prezentos sian laboron kaj siajn ideojn pri la informa agado — ne nur en Eŭropo.

*12:00–14:00, salono Langlet*

AGADO

## Esperanto, ĉu inkluziva movado?

Aldo Grassini, regiona prezidanto de la Itala Unuiĝo de Blinduloj, prezentos la situacion de movadanoj, kiuj pro handikapoj estas malhelpataj plene engaĝiĝi en la ĝeneralan Esperanto-movadon. Kion fari por igi nian movadon plene inkluziva? Parolos ankaŭ Kikushima kazuko (Japanio).

*11:45–13:30, salono Lundgren*

KULTURO

## Sveda horo

Niaj gastigantoj en la kongresa lando faros serion da mallongaj prezentoj pri aspektoj de la sveda vivo. Vidu la apudan klarigon. Pluraj svedoj rakontos por vi. Bonvenon!

*11:30–12:30, salono Nylén*

KULTURO

## Denove pri Svedio

Pliaj mallongaj prezentoj pri aspektoj de la sveda vivo fare de niaj svedaj gastigantoj. Vidu la apudan klarigon.

*12:45–13:45, salono Nylén*

KULTURO

## Literaturo en Esperanto, en Esperanton, kaj el Esperanto

Humphrey Tonkin, kiu tradukis en kaj el Esperanto, Sten Johansson, kiu tradukis en Esperanton kaj ankaŭ verkis originale, kaj Anna Löwenstein, kies romano *La Ŝtona Urbo* estis verkita en la angla kaj tradukita de la aŭtoro en Esperanton, konversacios, espereble kun aliaj Esperanto-verkistoj, pri la Esperanto-literaturo.

*14:15–15:45, salono Langlet*

AGADO

## La loka klubo: novaj aliroj por nova epoko

Kian estontecon havas la loka Esperanto-klubo? En multaj mondopartoj kaj en multaj sociaj tavoloj, la malnovaj metodoj ankoraŭ vivas — kaj foje funkcias. Kion fari por efike daŭrigi tiel, kaj kiel enkonduki novajn metodojn? Michela Lipari, estrarano pri landa agado, gvidos la diskuton.

*14:00–16:00, salono Nylén*

LINGVO

## Esperanto trans la generacioj

Amri Wandel, Akademiano, kies propraj infanoj estas denaskaj parolantoj de Esperanto, parolos pri la problemoj kaj avantaĝoj de Esperanto-parolanta familio. "Ni diskutos," li klarigis, "la demografian strukturon de la Esperanto-socio, denaskulojn kaj la generacian kontinuecon. Ni taksos la rolon de internaciaj familiaj renkontiĝoj kaj aparte la Internacia Infana Kongreseto kaj Rondo Familia de UEA. Aktivaj esperantistoj troviĝas ĉefe en tri aĝogrupoj: infanoj — ofte denaskaj esperantistoj — ĝis la aĝo de 14; adoleskuloj 18–30, kaj veteranoj — pli ol 50. Estas konate, ke sufiĉe mankas la mezaĝa generacio. Inter la infana kaj junulara aĝgrupoj troviĝas kelkjara breĉo — infanoj kiuj tro aĝas por familiaj renkontiĝoj, sed ankoraŭ ne vojaĝas memstare. Ni diskutu kiel ligi familiojn kaj ponti super tiuj breĉoj kaj inter generacioj, kaj vidos kiel Rondo Familia de UEA kaj la bulteno Familia Esperanto provas tion fari.

*14:00–15:00, salono Lundgren*

MOVADO

## Silentado kaj la movadaj militoj

Ziko M. Sikosek, historiisto kaj eksplodisto de Esperanto-mitoj, donos enrigardon en la historion de Esperanto tra la prismo de niaj abundaj internaj kvereloj. Li klarigas: "Oni povas facile ricevi la impreson ke la Esperanto-historio estas sinsekvo de kvereloj kaj internaj militoj. Ĉu ekzistas komunaĵoj inter la skandaloj ĉirkaŭ personoj kiel Delanoue, Privat, Connor, Jakob, Lapenna aŭ eventoj kiel Stokholmo kaj Hamburgo? Kaj kiujn spurojn la movadaj militoj postlasas?"

*14:00–16:00, salono Adamsson*

# *La nekonata Svedio*

Svedio ne estas granda lando, sed dum la jaroj naskiĝis infanoj, kiuj fariĝis verkemaj, ideoriĉaj kaj inventemaj. Pluraj el ili havis kaj havas nomojn, kiujn vi eble rekonas. Kion vi scias pri Alfred Nobel, Carl von Linné kaj Celsius? Eble vi konatiĝis kun Pipi Ŝtrumpolonga. Ŝin inventis verkistino Astrid Lindgren.

Dum la du *Svedaj horoj* vi havos ŝancon aŭdi plurajn mallongajn rakontojn pri specialaj svedaĵoj, konataj personoj, konataj inventoj.

- Kian infanaĝon havis Linné? Kial li ne fariĝis pastro?
- Kio okazas en la svedia parlamento. Kiom el la registaranoj estas virinoj?
- Kie paŝtas sin la grandaj aroj da rangiferoj — la bestoj de la minoritata popolo sameoj?
- Kiuj restriktoj regas koncerne alkoholaĵojn en Svedio. Kien iras la svedoj, kiuj volas aĉeti vinon aŭ brandon? Kion signifas SYS[illegible]?
- Ĉu vi havas komputilon? Kiu inventis la "muson" per kiu vi stiras la sagon sur la ekrano?
- Fulmofermilo — tirĉeno — zipo! Praktika inventaĵo. Ĉu svedoj ankaŭ havis siajn fingrojn inter la zipaj dentoj?
- Usonanoj kutime scias pri la batalŝipoj Monitor kaj Merrimac, sed ĉu ili scias kiu konstruigis la ŝipon, kiu venkis en tiu historie grava batalo 1862?
- Akvo bolas je 100 gradoj C. Por kio staras la litero C? Kiu inventis tiun termometron?
- Por konstrui tunelojn oni dum jaroj uzis dinamiton. Kiu inventis tiun produkton? Kaj — kiel ligiĝas la sekvaj nomoj al tiu produkto: Dario Fo, Kenzaburo Oe, Rudyard Kipling, Thomas Mann, Bertrand Russell, J-P Sartre, Soljenitsin kaj Tagore?
- Kiom pezas atomoj? Ĉu vi rekonas la sekvajn kemiajn elementojn laŭ la literaj simboloj: C H N Cu Fe Au?

Se vi volas ricevi respondojn al la starigitaj demandoj, vi prefere venu al ĉambro Nylén inter 11.30–12.30 kaj 12.45–13.45.

88-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
Göteborg 2003

KURIERO 2

KONGRESA KURIERO DE LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO · GÖTEBORG, LA 27-AN DE JULIO 2003

# Granda intereso en la amasmedioj pri la 88-a Universala Kongreso

Jam antaŭ la kongreso la svedaj amasmedioj komencis skribi pri ĝi. La sveda novaĵagentejo TT dissendis longan artikolon bazitan sur intervjuoj kun pluraj LKK-anoj, donante ankaŭ kelkajn praktikajn frazojn en esperanto kun traduko en la sveda. Tiun artikolon multaj gazetoj publikigis, i.a. la vaste distribuata gazeto *Metro*, kiu en sia gotenburga eldono aldonis iom da propra materialo. Plej origine ĝis nun agis la tutlanda gazeto *Expressen*, kiu turnis sin al la Honora Protektanto de la kongreso, la sveda ĉefministro Göran Persson. Li ne povos ĉeesti la inaŭguron de la kongreso, ĉar li ferias, kion la gazeto ilustris per granda kolora foto kaj granda parolvezikо (vidu bildon ĉi-flanke).

Ne ĉiuj gazetoj ĝentile menciis la kongreson. Kelkaj aldonis proprajn ironiajn komentojn, sed tio tamen estis escepto.

Sabate la gotenburga gazeto *Göteborgs-Posten* aperigis novan longan artikolon dissenditan de la novaĵagentejo TT. Kiom da aliaj gazetoj publikigis ĝin, ni ankoraŭ ne scias. Samtage aperis en la plej grava sveda gazeto Dagens Nyheter artikolo verkita de ĝia Gotenburga korespondanto kaj paralele la esperanto-traduko de la artikolo — kun ĉiuj supersignoj en la ĝustaj lokoj.

En la loka radio oni povis aŭdi plurfoje intervjuojn kun diversajn reprezentantojn de LKK. Estas atendataj ekipoj de diversaj televidaj kompanioj, kiuj sekvos la laborojn de la kongreso aŭ kaptos la okazon por prepari specialajn programojn pri la "fenomeno" esperanto por estonta uzo. Nur unufoje jare tiom da esperantistoj kolektiĝas en unu loko — okazo, kiun oni intencas utiligi.



Statsministern slår ett slag för esperanto.

## La aŭkcio

Se vi kunportis objektojn vendeblajn en la aŭkcio, kiujn vi pretas donaci por tiu celo, bonvolu transdoni ilin al estraranoj *Michela Lipari* aŭ *Humphrey Tonkin* ene de la venontaj du-tri tagoj.

Kaj ĉiuokaze notu la horon, daton kaj lokon de la Aŭkcio (vendredon je la 13:15 en salono Lapenna) kaj planu ĉeesti. Inter la svingado de la brakoj de la aŭkcianto Humphrey Tonkin kaj la svingado de la brakoj de la ofertantoj, vi vidos amuzan spektaklon, kiu samtempe helpos liveri monon al la Triamonda Kongresa Fondaĵo, kiu siavice ebligas partoprenon en la Universala Kongreso por triamondanoj.

## Invito al gejunuloj partopreni en Oratora Konkurso

Gejunuloj, kiuj deziras gajni valorajn premiojn, nepre konkursu en la **Oratora Konkurso**, kiu okazos mardon (10:00–11:00) en salono Nylén.

Necesas, ke vi antaŭe anoncu vin. Tion faru ĉe la Informejo en la kongresejo, aŭ al Humphrey Tonkin, estrarano de UEA pri kulturo. Vidu detalojn en la Kongresa Libro, paĝo 53.

La membroj de la juĝkomisiono estos Eliza Kehlet (eksa interpretisto ĉe la Eŭropa Parlamento), Hans Michael Maitzen (profesoro pri astronomio ĉe la Viena Universitato) kaj Georgo Nanovfszky (ambasadoro de Hungario en Singapuro).

H

## ATENTIGOJ

### ONI NE RAJTAS!

La administrantoj de la kongresejo petas vin observi du malpermesojn, kiuj validas en la tuta kongresejo:

1. **Estas malpermesite fumi en la kongresejo.**
2. **Estas malpermesite afiŝi sur iujn ajn surfacojn, krom sur la bluajn tabulojn.** Sur ilin vi rajtas aldoni afiŝon post konsiliĝo kun Informejo, ĉe kiu vi ricevos specialan materialon, kiun vi uzu. Uzo de gluhendo estas absolute malpermesita!

### Cseh-kurso kaj Cseh-seminario

Cseh-kurso kaj Cseh-seminario estas aranĝoj aparte pagendaj.

Ĉiu, kiu deziras partopreni, bonvolu pagi ĉe la enirpordo al salono Lapenna. La liĝintoj nepre havu ĉe si ĉiutage la kvitancon por rajti eniri la salonon.

Se estas interesitoj por observi la funkciadon de la metodo, tiuj rajtas ĉeesti, sed la organizantoj petas al tiuj resti en la salono de la komenci ĝis la fino de la leciono. Por tia observado oni devas, tamen, pagi. La enirbileto kostas SEK 140 por unu leciono kaj tion oni povas pagi ĉe la enirpordo.

### Rendevua tabulo

Oni petas la kongresanojn kontroli regule ĉiutage — aŭ e plurfoje tage —, ĉu ili havas mesaĝon ĉe la Rendevua tabulo.

### Kongresa balo

La dancejo por la kongresa balo pro spacolimigo havas lokon nur por 800 personoj samtempe. Se vi volas esti certa, ke vi havos lokon, aĉetu ĉe la giĉeto **Kongresa balo** enirbileton, kiu egalas al la kosto de via unua trinkaĵo. Por ĝi vi ricevos glason da vino, botelon da biero aŭ senalkoholan trinkaĵon laŭ elekto. La prezo estas 50 SEK.

Estos ebleco eniri la dancejon ankaŭ sen tiu bileto, kiam iuj foriris de tie.

### EEU-prezento

**EEU-prezento**, lunde je la 13.00 en salono Kalocsay, ankaŭ entenos informojn pri la agado de Brusela Komunikadcentro, antaŭ vidita por jaŭdo, la 31-an de julio en salono Lapenna.

### "Göteborgs-passet"

La informo, ke **Göteborgs-passet** validas nur por du tagoj, estas erara. Ĝi validas por **tri tagoj**. Tio estas la pozitiva informo. Ekzistas unu negativa: ĝi ne validas por parkado.

## LA DIMANĈA PROGRAMARO

| | Adamsson | Langlet | Lundgren | Nylén |
|---|---|---|---|---|
| 09 | 9:00–9:45<br>Eŭropa identeco kaj eŭropa lingvo | 9:00–11:30<br>Informado estas pli ol scioj. Prelego kun simulludo | 9:00–10:30<br>Seminario pri la profesia aplikо de Esperanto | 9:00–11:00<br>Landa agado: Modeloj kaj ekzemploj |
| 10 | 10:00–11:30<br>Svedaj fakuloj rigardas Esperanton kaj la lingvan situacion | | 10:45–11:30<br>Esperanto kaj religio | 11:30–12:30<br>Sveda horo |
| 12 | 11:45–13:30<br>Seminario pri interlingvistiko | 12:00–14:00<br>Informado, bezono por la movado | 11:45–13:30<br>Esperanto, ĉu inkluziva movado? | 12:45–13:45<br>Denove pri Svedio |
| 14 | 14:00–16:00<br>Silentado kaj la movadaj militoj | 14:15–15:45<br>Literaturo en Esperanto, en Esperanton, kaj el Esperanto | 14:00–15:00<br>Esperanto trans la generacioj | 14:00–16:00<br>La loka klubo: novaj aliroj por nova epoko |

En la dimanĉa programaro publikigita en *Kuriero 1* okazis kelkaj ŝanĝoj. En la programero **Landa agado: Modeloj kaj ekzemploj** *(9:00–1:30, salono Langlet)* prezentos siajn spertojn ankaŭ Syozi Keiko, Japanio. Prezidos Michela Lipari, estrarano de UEA pri landa agado.

En la programero **Informado, bezono por la movado** *(12:00–14:00, salono Langlet)* anstataŭ Giorgio Bronzetti, kiu ne povas veni al la kongreso, parolos Edvige Tantin.

En **Literaturo en Esperanto, en Esperanton, kaj el Esperanto** *(14:15–15:45, salono Langlet)* parolos aldone al Humphrey Tonkin kaj Anna Löwenstein, Spomenka Štimec, kies biografia verko *Tiĝa* aperis en 2002, kaj Roman Dobrzynsky, kies nova libro verkita kunlabore kun Ludoviko Zaleski-Zamenhof aperos dum la kongreso.

## ONI RIDAS

Kal piediras kaj trenas sian biciklon en la tramtrako. La tramisto signalas re- kaj refoje, sed Kal ne flankeniras.

—Ĉu vi ne povas moviĝi for de la trakoj?

—Kompreneble mi povas, respondas Kal fieraĉe. Sed vi ne povas.

# Ĉu vi scias?

## La svedaj alparolaj kutimoj

La lingvaj esprimoj de interpersonaj rilatoj ja distingiĝas en du kategorioj:

1) la uzo de titoloj,

2) la uzo de alparolaj vortoj.

Plej oftaj en la eŭropaj lingvoj ja estas la ĝeneralaj, komunaj titoloj kiel sinjoro, sinjorino kaj fraŭlino (strange ne "fraŭlo"). Krom tiuj estas uzataj titoloj de profesio (pentristo, tajloro, dentisto . . .), ekzameno (doktoro, kantoro, kapitano . . .), ofico (profesoro, prezidanto, urbestro, ministro . . .) aŭ denaska rango (barono, grafo, princo . . .). Kelkokaze la edzino havas rilatan titolon (profesorino), sed la edzo de virina profesoro ne ricevas titolon . . .

La sveda lingvo, same kiel la germana, franca ktp, havas du esprimojn por "vi", nome "du" kaj "ni" (kiel Du/Sie, tu/vous ktp). En kelkaj lingvoj la uzado de tiuj vortoj estas strikte regulita, sed en la sveda, depost 30-40 jaroj, la kutimoj radikale ŝanĝiĝis. Hodiaŭ ĉiuj svedoj, ĉu junaj aŭ maljunaj, ĉu ĉefoj aŭ dungitoj, ĉu altranguloj aŭ ne, ĉu stranguloj aŭ ne, alparolas unu la alian per "du" (en esperanto estus "ci"). Tre malofte iu hodiaŭ diras "ni" kiel singularan alparolon.

Same ŝanĝiĝis la uzado de titoloj. La uzado de "sinjoro, sinjorino, fraŭlino" (herr, fru, fröken) en la praktiko malaperis. Kiam svedoj renkontiĝas — ĉu en amikaj rondoj, ĉu en konferencoj, ĉu en ĉartitaj vojaĝoj aŭ en kursoj — ili prezentas sin dirante sian voknomon kaj sen ceremonio tuj diras "du". Se fremdulo alparolas vin sur la strato, ankaŭ li diras "du". La tradiciaj titoloj (rektoro, direktoro, ministro ktp) nuntempe estas rigardataj nur kiel profesiaj terminoj, ne kiel alparolaj titoloj. Leteroj de aŭtoritataj instancoj al iu ajn civitano ne estas adresataj ekz. "Sinjoro Doktoro Sven Jonsson", sed nur "Sven Erik Jonsson". — Se vi sidas en atendoĉambro ĉe kuracisto, la flegistino anoncas vian vicon dirante vian antaŭnomon: "Kristina" (se necese "Kristina Larsson" sed neniam "fröken Larsson"). — Kaj la kuracisto ofte prezentas sin etendante la manon al vi, dirante: "Hej! Sven". Esceptoj certe ekzistas, sed estas maloftaj.

Do, kion tio signifas por vizitantaj esperantistoj? Ebie ne multe en la oficialaj rilatoj. Ni ja jam havas la avantaĝon de simpla alparola pronomo: vi. Sed povas okazi, kiam oni komencas konatiĝi, ke la svedoj emas alparoli vin per via antaŭnomo multe pli frue ol estas kutime en via hejmlando!

**Esbjörn Stridell**

## Aŭtoraj duonhoroj

En la kongresa Libroservo vi povos konatiĝi kun niaj verkistoj kaj iliaj verkoj en specialaj **Aŭtoraj duonhoroj**. Jen la verkistoj kaj la tempoj:

| | | |
|---|---|---|
| Dimanĉe | 11.30 | Ed Borsboom |
| | 16.30 | Mark Bavant, Petro Chrdle |
| Lunde | 16.30 | Roman Dobrzynsky |
| Marde | 11.30 | Nora Caragea |
| | 16.30 | Spomenka Štimec |
| Ĵaŭde | 11.30 | Sten Johansson |
| | 16.30 | Ziko M. Sikosek |
| Vendrede | 11.30 | Jarlo Martelmonto |
| | 16.30 | Rainer Kurz |

Tio ĉi estas unika okazo persone konatiĝi kun niaj verkistoj kaj iliaj verkoj — kaj por aĉeti ilin.

**Michela Lipari, KN 80**

## Ekis la infana kongreseto

25 infanoj el deko da landoj kolektiĝis hodiaŭ por pasigi semajnon en esperanta etoso en la 35-a Internacia Infana Kongreseto. Kvar gvidantoj kaj ses helpantoj zorgos pri varia semajno.

La aranĝo okazos en centro kun lignaj kabanoj apuda lago, 18 km norde de Gotenburgo. Gepatroj vizitos nin ĵaŭde posttagmeze — petu informojn ĉe la ILEI-budo.

**S. MacGill**

## Ekfunkciis 8S6UEA

8S6UEA — la kongresa amatora radio-stacio ekaktiviĝis jam je la 10-a horo sabate. La gotenburgaj radio-amatoroj helpis nin starigi la kurtondan stacion kaj antenojn, kaj jam post tri horoj sabate ni faris pli ol 125 radio-kontaktojn kun amatoroj en multaj landoj en esperanto, germana, angla kaj rusa lingvoj.

Dumtempe en la diĝita mondo IRLP oni kontaktis Novzelandon, Usonon, Anglion kaj Svedion.

La ILERA-jarkunveno okazos mardon je la 13-a horo sur Placo Esperanto, proksime al nia radio-stacio.

## Via postkongresa informa agado komenciĝas nun!

Ek al postkongresa kampanjo por la gazetaro — bonvole kunlaboru!

Sub la kunordigo de la Brusela Komunikadcentro, UEA ĉi-jare sukcesis starigi tutmondan gazetaran agadon okaze de la Universala Kongreso kun pozitivaj eĥoj en pli ol deko da landoj. Nun UEA planas ankaŭ postkongresan gazetaran agadon, en iom malpli granda dimensio, sed supozeble same fruktodona kiel la antaŭkongresa. Por tio ni afable petas vian helpon.

Bonvolu konsideri traduki la gazetaran komunikon — ĝi estas relative konciza — pri la UK en vian nacian lingvon. Ĝis nun la postkongresa komuniko pretas en 6 lingvoversioj. Nome en la angla (en diversaj landaj variaĵoj), esperanta, germana, itala, norvega, portugala, ukraina. Se vi ŝatus traduki, bonvolu kontakti Marko Naoki Lins de la Brusela Komunikadcentro. Vi povas lin atingi en la ĉambro De' Giorgi aŭ tie ricevi la tradukendan tekston. Per nacilingva versio de la centra komuniko eblas kontakti lokajn/regionajn gazetojn kun peto je represo. UEA kaj pluraj landaj asocioj jam havis tre bonajn spertojn dum pasintaj jaroj kun tiu gazetara kampanjo. Pro tio ŝi deziro ripeti ĝin.

Ideo estas nun dum la gotenburgo kongreso provizi maksimume eblan kvanton de lingvoversioj de la komuniko al la landaj asocioj kaj kongresanoj. Estas tiam ilia decido kaj tasko plusendi al naciaj resp. lokaj gazetaroj tuj post la UK.

Eta provizora resumo de la antaŭkongresa gazetara agado:

Je la fino pretis

- 27 lingvoversioj de la centra artikolo
- 21 lingvoversioj de la gazetara komuniko
- Konkrete okazis agado en 37 landoj kaj regionoj
- Aperis pli ol 60 artikoloj/intervjuoj en 16 landoj: Aŭstrio, Aŭstralio, Belgio, Finnlando, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Kanado, Nederlando, Norvegio, Rusio, Serbio, Svedio, Svisio, Usono

# Novaj aliĝoj

*Aliĝis post la redaktofino de Kongresa libro:*

1660 dyzh-g S-ro Zheng De yong, A304, Zi Yang Dong lu 45 Hao, Wuchang Qu, 430070 Wuhan, Ĉinio

1661 hunn-c S-ro Hu Nan, A304, Zi Yang Dong lu 45 Hao, Wuchang Qu, 430070 Wuhan, Hubei, Ĉinio

1662 huxu-f S-ro Hu Xu, A304, Zi Yang Dong lu 45 Hao, Wuchang Qu, 430070 Wuhan, Hubei, Ĉinio

1663 iuii-t S-ino Liu Li-li, A304, Zi Yang Dong lu 45 Hao, Wuchang Qu, 430070, Wuhan, Hubei, Ĉinio

1664 llwu-c S-ino Wu Ling-li, A304, Zi Yang Dong lu 45 Hao, Wuchang Qu, 430070, Wuhan, Hubei, Ĉinio

1665 zhul-n S-ino Zhu Li-ya, A304, Zi Yang Dong lu 45 Hao, Wuchang Qu, 430070, Wuhan, Hubei, Ĉinio

1666 hdza-s S-ro Amir Hadžiahmetović, Hans Olriksvej 2,4, 2540 København SV, Danio

1667 kjhn-b Kim Jan Henriksen, Hallandsgade 6, 4, 2300 København S, Danio

1668 nisb-o Nils Bramsen, c/o Petersen, Jemtelandsgade 4, 1 tv., 2300 København S, Danio

1669 thmn-v Lars Thomsen, Silkeborggade 4, 2100 København S, Danio

1670 phsb-n Paul H S Barron, Plâs Rhiwgwreiddyn, Ceinws, Machynlleth SY20 8NS, Powys, Cymru, Britio

1671 dsti-r S-ro Davor Štimec, Schrottova 35, 10000 Zagreb, Kroatio

1672 lovr-m Lovro Krsnik, Budvanska 4, 10000 Zagreb, Kroatio

1673 rnka-c S-ino Ranka Hraković, Schrottova 35, 10000 Zagreb, Kroatio

1674 tmya-x Tomoya Lauffenburger, Hirasa-cho 4191-5, Sendai-shi 895-0012, Kagoshimaken, Japanio

1675 zbfo-y S-ino Zofia Banet-Fornalowa, ul. Bliska 12, 05-090 Raszyn, Pollando

1676 zyfo-h S-ro Jerzy Fornal, ul. Bliska 12, 05-090 Raszyn, Pollando

1677 jiha-t S-ro Jiang Haobo, Hangzhou Xianming Instr. & Met. Co, Ltd, St. 9 Xiasha Econ. Expl. Jianggan Distr., 3100017, Hangzhou Zhejiang, Ĉinio

1678 shdo-c S-ino Shan Dongmei, Hangzhou Hengton Cloth. Manufac. Co, Ltd No. 799 Wangjiang Rd. Sangcheng Distr., 310002 Hangzhou, Zhejiang, Ĉinio

1679 xias-h S-ino Xia Sujiao, Hangzhou Hengton Cloth. Manufac. CO. LTD No. 799 Wangjiang Rd. Sangcheng Distr., 310002 Hangzhou, Zhejiang, Ĉinio

1680 xiez-i S-ro Xie Zhenfeng, Hangzhou Xianming Instr. & Met. Co, Ltd, St. 9 Xiasha Econ. Expl. Jianggan Distr., 3100017 Hangzhou, Zhejiang, Ĉinio

1681 xwan-c S-ro Wang Xigeng, Chizhou China Travel Service, no. 11 Changjiang(s) Road, Chizhou, 247000 Anhui, Ĉinio

1682 buer-e S-ro Rudolf Willie Buesche, Mathildenstr. 11, 55116 Mainz, Germanio

1683 mxml-x S-ro Maximilian Moll, Bülowstr. 90, 10783 Berlin, Germanio

1684 acas-t S-ro Augusto Casquero de la Cruz, Avenida Burjasot 29, A-31 46009 Valencia, Hispanio

1685 fanb-w Fan Baiquan, Viljelijäntie 4a 8, 00410, Helsinki, Finnlando

1686 cmig-n S-ino Céline Anne Jenny Migeon, 43, rue Gabrielle, 75018 Paris, Francio

1687 evpo-s S-ino Eva Poláková, Potravinárska 19, 94901 Nitra, Slovakio

**Aliĝis surloke sabate, la 26-an de julio:**

| | |
|---|---|
| 1688 Juliusz Wasik | Pollando |
| 1689 Aleksandra Kossakowska | Pollando |
| 1690 Christopher Culver | Usono |
| 1691 Antonio Verdú | Hispanio |
| 1692 Tatiana Rudakova | Rusio |
| 1693 Junko Suzuki | Japanio |
| 1694 Philippe Pellicier | Francio |
| 1695 Hideo Kirikae | Japanio |
| 1696 Bengt Nordlöf | Svedio |
| 1697 Victor Sirvent | Venezuelo |
| 1698 Ivan Popov | Svedio |
| 1699 Nikolao Popov | Svedio |
| 1700 Geir Långård | Norvegio |
| 1701 Maria Suarez Castillo | Meksiko |
| 1702 Miguel Marquez Jimenez | Meksiko |
| 1703 Vladimir Meškov | Rusio |
| 1704 Radojica Petrović | Serbio |
| 1705 Ole Blaust | Danio |
| 1706 Zita Garbaravičienė | Litovio |
| 1707 Josefo Tosegi | Aŭstrio |
| 1708 Roberto Burgess | Usono |
| 1709 Orlando E. Raola | Usono |
| 1710 Vicente Valdes Bejarano | Meksiko |
| 1711 Natalia Parshina | Rusio |
| 1712 Ivan Dvoryaninov | Rusio |
| 1713 Alexander Parshin | Rusio |
| 1714 Nikolay Malyutin | Rusio |
| 1715 Maria Suslova | Rusio |
| 1716 Ekaterina Evseeva | Rusio |
| 1717 Anita Dröge | Germanio |
| 1718 Brigitte Willand | Germanio |
| 1719 Karin Ehrsam | Germanio |
| 1720 Guy Guetault | Francio |
| 1721 Francisca Diaz Muños | Hispanio |
| 1722 Jianhua Cui | Ĉinio |
| 1723 Karl Norderstorm | Svedio |
| 1724 Elisabeth Laika | Germanio |
| 1725 Timo Pirinen | Finnlando |
| 1726 Damir Malkoč | Kroatio |
| 1727 Robert Smeds | Svedio |
| 1728 Dafydd ap Fergus | Belgio |
| 1729 Brion Vibber | Usono |
| 1730 Jarl Henriksson | Svedio |
| 1731 Joseph Allard | Francio |
| 1732 Dmitri Horowitz | Nederlando |
| 1733 Beatrix Svenonius | Svedio |
| 1734 Nora Svenonius | Svedio |
| 1735 Jasmin Svenonius | Svedio |
| 1736 Eran Vodevoz | Israelo |
| 1737 Giulio Cappa | Italio |
| 1738 Attila Varro | Hungario |
| 1739 Pontus Hovberger | Svedio |
| 1740 Jonas Hovberger | Svedio |
| 1741 Niina Tauriainen | Finnlando |
| 1742 Harold Mather | Britio |
| 1743 Fred Mayer | Usono |
| 1744 Martin Strid | Svedio |
| 1745 Baiquan Fan | Finlando |

# Ŝanĝoj

### Genealogio

La programero **Genealogio** okazos en salono **Harry** kaj ne en salono Lapenna, kiel anoncite en Kongresa libro. La tempo restas sama: dimanĉo je la 12.30.

### UMEA

La kunsido de **UMEA** okazos en **mardo, la 29-an de julio je la 13.00–14.30 en salono Kalocsay**, kaj ne ĵaŭde, la 31-an de aŭgusto en salono Nylén.

### Oomoto 2

La dua fakkunsido de **Oomoto**, ĵaŭdon la 31-an de julio **ne okazos**.

88-a Universala Kongreso de Esperanto
2003
Göteborg

# KURIERO 3

KONGRESA KURIERO DE LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO · GÖTEBORG, LA 28-AN DE JULIO 2003

## LPLP

Informfolio pri la revuo **Language Problems & Language Planning**, kiun vi povas trovi apud ĉi tiu numero de *Kuriero*, estas por vi. LPLP estas la revuo de CED, Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj, kaj estas redaktata de Humphrey Tonkin kaj Probal Daŝgupto. Legu sur la folio, kiajn artikolojn ĝi proponas kaj ne hezitu aboni ĝin.

## Libroservo lunde

Lunde, la 28-an de julio la kongresa libroservo ekfunkcios je la 13.00 kaj ne je la 12.00, kiel indikite en la Kongresa libro.

## Internacia vespero

Artistoj kapablaj kaj emaj prezenti aŭdvidan programeron dum la Internacia Vespero vendrede proponu kontribuon laŭ la programe indikita tempo aŭ rekte ĉe Franz-Georg Rössler (KN 972), ĵaŭde nur escepte, akurate je la 16 horo.

## Sociala laboro

Prelego pri speciala sociala laboro en la komunumo de Gotenburgo (familia juro) okazos lunde la 28-an de julio je la 13.00–13.45 en salono Nylén. Ĉiuj interesitoj estas bonvenaj aŭskulti la prelegon.

Tuj poste sekvos la jarkunveno de ASLE, Asocio de Social-Laboristoj Esperantistaj.

## IKEF

IKEF (Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo) invitas komercistojn, ekonomikistojn kaj ĉiujn interesitojn al prezento pri sveda ekonomio en Komerca Altlernejo (Vasagatan 1, ĉambro E44) je mardo, 14.00 h.

Foriro de la enirejo de la kongresejo je 13.30 h.

**Roland Rotsaert, KN 1005**

## AIS/IKU-kursoj

La daŭrigo de la kursoj de Hans Michael Maitzen, Lee Chong-Yeong kaj Eva Bojaĝieva okazos marde 2003-07-29 13:15—15:00 kaj ĵaŭde 2003-07-31 13:15—17:00. La ejo estas la Matematika instituto (komuna al la Gotenburga universitato kaj la Teknika universitato Chalmers), salonoj MD8, MD9, MD10. La strata adreso estas Eklandagatan 86, 412 96 Göteborg. Sekvu Eklandagatan de la kongresejo: piedira distanco 1 500 metroj.

**Christer Kiselman, KN 89**

## ŜANĜOJ

### Subkomitatoj

**Subkomitato Eksteraj rilatoj** ne okazos en lundo je la 13.00, sed en **mardo je la 11.00 en salono Harry.**

**Subkomitato Kulturo** ne okazos en mardo je la 11.00, sed **en lundo je la 13.00 en salono Lundgren.**

KONGRESA TEMO

# La Esperantistoj kaj la asocioj defendantaj la naciajn lingvojn: Natura simbiozo

*Parolado de Charles Durand antaŭ la Gotenburga Universala Kongreso. Esperanta traduko*

Antaŭ ĉio mi volas danki al Sinjoro Renato Corsetti, Prezidanto de la Universala Esperanto Asocio, pro tio ke li invitis min partopreni tiun kongreson kaj tiel havi la eblecon alporti mian modestan kontribuon al la faritaĵoj kaj al la laboroj de la esperantistoj.

Hodiaŭ nepras, ke ni disrompu la cirklobarilon de silento trude starigitan de la amaskomunikiloj kaj de la oligarkio, de kiu ili estas komisitaj. La esperantistoj ne nur promocias esperanton. Ili ankaŭ postulas la rajton, kiun havas la popoloj por sia digno, pensi, labori per siaj lingvoj, vivi laŭ siaj propraj kulturoj, esti si mem plene kaj sentrude. La esperantistaj asocioj havas multajn komunajn ecojn kun aliaj grupoj, kiuj kreiĝis dum la dekkvin pasintaj jaroj dise tra la mondo kaj aparte en Eŭropo. Tiuj gupoj prizorgas la defendon de multaj naciaj lingvoj, kiujn la tutmonda plutokrataro ŝatus nuraj dialektoj, kaj kies rolo tiel iĝus esence folklora. Jen kial alianco inter esperantistoj kaj la jus cititaj asocioj estas alte dezirinda. Dume, miaopinie ekzistas ĉiuj necesaj faktoroj por estigi el tiu alianco ververan simbiozon, kio helpos nin multe pli efike dissciigi niajn mesaĝojn.

Hodiaŭ la esperantistoj estas la solaj, por proponi al ni lingvon vere internacian kaj de ĉiuj akireblan. Mi ne ĉi tie priskribu la avantaĝojn de esperanto, ĉar vi ĉiuj ilin scias pli bone ol mi, kiu ankoraŭ ne parolas vian lingvon. Tamen aliaj asertas al ni, ke la gepatra lingvo de iu grupo, reprezentanta ne pli ol 6 ĝis 7% de la tutmonda loĝantaro, estas universala lingvo, kaj tio starigas al ni seriozan problemon. Fakte, se unu natura lingvo estas proklamita "universala", tio samtempe subaŭdigas, ke la aliaj ne estas tiaj. Se unu lingvo posedas "superecojn" super la aliaj, tio memkomprenble substrekas alies malsuperecon. Tion oni nomas "duopecon de la kvalifikiloj", kaj tio estas ege ĝena, ĉar, se unu lingvo "superas" la aliajn, ĝiaj parolantoj same konsideratos "superantaj" la alilingvanojn, vole nevole.

Mi ŝatus ĉi tie parentezumi. Ni ĉiuj scias, ke antaŭ 1960 ekzistis en Usono strikta rasa apartigo bazita sur la laŭdira malsupereco de la nigruloj. Dume ĝisfundaj enketoj montris, ke la nigruloj mem plejmulte samopiniis ĉi tiel. Tiu interkompletiĝo de la opinioj ĉiam ekzistas en la rilatoj inter koloniantoj kaj koloniatoj, inter regantoj kaj regatoj. Nu, ni konstatas similan situacion inter la denaskaj parolantoj de la laŭdire universala lingvo kaj la ceteruloj. La preskaŭ sistema diskriminacio favoranta la denaskajn angloparolantojn estas natura sekvo de la "supereco" prikonsentita al la angla lingvo, tial ke en multaj landoj la angla lingvo estas formale agnoskata kiel la nura lingvo uzota en ekzemple la internaciaj tekni-kaj-sciencaj interŝanĝoj. Ankaŭ la diskriminaciaj dungprocedoj povas ekzisti nur pro la kredo – komuna de la denaskaj angloparolantoj kaj de tiuj kiuj ne tiaj estas – pri tiu laŭdira "supereco" de la angla lingvo. Tiu kulpa interkonsento, inter tio kio estas nenio alia ol unu reganta grupo kaj alia regata grupo, estas naskanta ene de ĉiuj internaciaj organizaĵoj – ja ne devigataj je dungaj kvotoj – evidentajn malegalecojn, kiujn la aktualaj tendencoj povas nur plifortigi.

En Eŭropo iuj provas kredigi al ni, ke la scipovo de la angla estiĝis nemalhavebla pro komercaj reguloj kaj planedskalaj komunikbezonoj. Dume kiel ni scias, se la celoj de tia lernado estus nur pragmataj, al esperanto kaj ne al la angla la apostoloj de la universala interkompreniĝo devus sin turni! Devige ni konstatu, ke la angla rolas hodiaŭ en kontinenta Eŭropo same kiel antaŭ 1990 la rusa en la satelitoj de Soveta Unio kaj en ties aneksitaj respublikoj. La socilingvisto Louis-Jean Calvet evidentigis en tiu procezo etapojn tute similaj al tio, kio videblas nun en okcidenta Eŭropo pro la angla. Malesto de lingva politiko en la neruslingvaj respublikoj sekvigis ampleksajn vortajn prunteprenojn el la rusa lingvo, aparte en la sciencaj kaj teknikaj sferoj. Tiel tre rapide, la lokaj lingvoj izoliĝis en poramasaj funkcioj, dum la rusa specifiĝis por la informadaj, oficialaj, sciencaj funkcioj. En 1975 dum konferenco okazinta en Taŝkento estis proponata la instruado de la rusa ĉie ekde la infangvardejo, kaj poste en 1979, dum alia konferenco en Taŝkento titolita "La rusa lingvo, lingvo de amikeco kaj de kunlaborado de la sovetaj popoloj", estis sugestite devigi la studentojn redakti siajn memuarojn en la rusa. Sekvis manifestacioj en Tbiliso (Kartvelujo), Talino (Estonujo), ribeletoj en la aliaj baltaj landoj, peticioj de la kartvelaj intelektuloj, ktp... Iuj lingvanoj ekkonsciis, ke ilia lingvo malrapide solviĝas en la rusa. Okazis do fenomeno de akcelata sorbado de la sovetaj lingvoj far la rusa, neniel volita de la popoloj, sed male ĉiel dependanta de la potenco kaj de la lingva politiko de Rusujo fronte al ties satelitoj. Estas evidente, ke simila procezo estas disvolviĝanta en la eŭropaj landoj, kaj tio igas opinii, ke la eŭropunia konstruiĝo faciligas la rapidan satelitiĝon de la malnova kontinento sub la usona Ameriko. En Soveta Unio la prunteprenoj el la rusa estis malpliigantaj la diferencojn inter la lingvoj profite al la rusa. Aplikite tiam en Soveta Unio kaj hodiaŭ en kontinenta Eŭropo, tiu speco de lingva imperiismo nature laŭiras diversajn vojojn, samtempe influante la lernejan kaj universitatan politikon, la lingvoplanadon kaj la amaskomunikilojn. La lingva imperiismo ne estus tre danĝera, se ĝi ne estus la elmontro de kruda simpla imperiismo, kaj sufiĉas observi por taksi ties entenaĵojn.

En multaj landoj ĉi tie reprezentataj la

# Filmante Esperanton tra la mondo

"En Fortaleza evidentiĝis, ke homoj vere povas komuniki pere de Esperanto. La kongreso montris la diversecon de Esperanto-kulturo. Tio ankaŭ konfirmis mian ideon fari dokumentfilmon pri Esperanto," diras Céline-Anne Migeon. "Esperanto estas bonega afero kaj tute esenca en ĉi tempo de tutmondiĝo," rakontas Migeon. Jam dum du jaroj ŝi filmas kaj nun havas pli ol 30 horoj da bildmateriale.



Por fari la filmon Migeon komencis ankaŭ lerni Esperanton kaj jam bone interkompreniĝas kun homoj el la tuta mondo. De Fortaleza, Claude-Chaufontaine, trapasante plurajn aliajn ĉefurbojn de Esperanto, kaj nun en Gotenburgo, la pariza jurnalisto vojaĝas. Jam grandaj nomoj de la Esperanto-komunumo estas intervjuita, inter ili Claude Piron, Renato Corsetti kaj Marjorie Boulton. Ĉe manifestacio kontraŭ rasismo, Migeon ankaŭ renkontis la kunaŭtoron de la Viro kiu defiis Babelon, Henri Masson.

Kial Migeon okupiĝas pri Esperanto? "La angla ne sufiĉas kaj ĝi ankaŭ estas fonto de miskompreno kaj malegaleco. Plie, la malegaleco inter naciaj lingvoj minacas la lingvan diversecon," opinias Migeon kies celo estas pere de filmo atentigi politikistojn pri la valoro de Esperanto.

*Céline Anne Migeon vojaĝas tra la mondo por fari filmon pri Esperanto.*

(Fotis Janko Luin)

amaskomunikiloj injektas en la naciajn lingvojn, tute artifike, centojn da novaj anglo-usonaj vortoj, kiuj tiel anstataŭas la lokan vortprovizon. Tiel estas ekzemple en la itala, en la germana, en la franca, en la hispana, en la sveda. En la reklamiloj la bildoj pri moderneco, pri teknologio tiel nomata "alta", pri moveblceco, pri scienco, pri liberaleco, pri efikeco, pri protesia sukceso, pri riĉeco, kaj eĉ pri sporto, estas ekde nun preskaŭ ĉiam kunligitaj kun anglo-usonaj terminoj, kiuj tiel tute artifike anstataŭas la terminojn de la gepatraj lingvoj, tiamaniere vunditaj. Tiu seninterrompa entrudiĝo kreas en la loĝantaro Pavlovan reflekson, kiu favoras ne nur la trejnadon al la angla lingvo sed ankaŭ la konsenton por la ega anglosaksa superrego kultura, ekonomia kaj politika fare de la socioj, kiuj pro ĝi suferas.

Rémi Kauffer, profesoro en la prestiĝa lernejo pri politikologio ("Sciences-Po") de Parizo, skribas en sia libro titolita "La armilo de la misinformado. Milito de la multnaciaj firmaoj kontraŭ Eŭropo":

"Trudante siajn konceptojn, siajn terminarojn, siajn mondprojektojn, Usono provas enkatenigi siajn rivalojn en pensadcirklon por ili desegnitan, tiamaniere ke tiel malliberigite ili ne plu povos eligi sin el ĝi. Truci sian vortprovizon estas priverŝi la unuan batalon. De "brainstorming" al "wargame", de "teenagers" al "fast-food", de "management" al "benchmarking" la usonanoj estas plifruiĝintaj antaŭ ĉiuj aliaj....Dank"al tiu kreskanta entrudiĝo la uson-brita influo povis disvastiĝi. De la reganta elitaro, de la ekonomiaj medioj, ĝis la "antaŭeniĝantaj" rotoj el la mezaj socitavoloj, ĝi enpenetris la popolajn klasojn. Pervorta batalo, perbilda batalo. Laŭ tio ke la usonecigo de la terminoj kaj de la imagitaĵoj kunestas kun la usonecigo de la konsummodo, tiu fenomeno donas unu el la plej efikaj subteniloj por la entrudiĝo de la usonaj firmaoj en la progresantajn merkatojn. Nu, eĉ se komerca, ĉiu ajn milito estas unue milito de la spiritoj. Ankaŭ ĝi tute ne kompareblas kun psika "blitzkrieg" (fulm-milito) elpensita kaj gvidata al proksima celo. La misinformado male entenas daŭran agadon zorge estritan kaj gravajn rimedojn teknikajn, financajn, homajn". Tiu ĉi klarigo estas do geografi-politika kaj ĝi plene konfirmas la dirajojn de Zbigniew Brzezinski, kiam li asertas, ke "Eŭropo estas de nun usona protektorato".

Niaj tiel nomataj "elitoj" absolute ne prikonscias, ke la posedantoj de la vortoj kaj de la lingvo posedas ankaŭ la penson, kaj ke posedante alies penson oni posedas ĉion ceteran. Tiu ignoro estas ĝeneraligita. Tiel la ĝeneraligita uzado de la angla, kiel difinilo kaj prezentilo de scienco, kompreneble donacas pli vastan videblecon al la sciencaj laboroj de anglolingvaj popoloj, dum ĝi samtempe enmarĝenigas la aliajn kompreneble tiom pli, ke la laboroj estas anglalingve redaktitaj, kaj ke sekve ili devas enmuldiĝi en la anglalingvajn postulojn koncerne la formon kaj la enhavon. El tio fontas mimetismo aŭ imitismo, kiu havas plagajn sekvojn, ĉar ĝi gvidas laŭ konkurenca inspiro al programoj, kiuj ne povas respondi al vere noviga logiko. Laŭ tio ke estas efektive la anglolingvaj landoj kiuj tiel difinas la normojn de la "bona scienco", estas memkompreneble ke la scienco de la anglalingvaj landoj montriĝas tiel "supera" fronte al tiu de la aliaj. Tiel longe kiam la fremdaj sciencesploristoj, konscie aŭ nekonscie, konsentos pri tiu propra malsupereco, uzante la anglan kiel priskribilon de sia laboro, ili montriĝos simplaj perantoj de la anglo-usona sciencesplorado kaj ili ne povos plene valorigi sian laboron.

Do ĉu la scipovo de la sinpretende "universala" lingvo ebligas pli altan nivelon de prospero? Tion ŝajne kredas la registoj de Tajvano, ĉar ili jus dungis mil intruistojn denaske angloparolantajn por plialtigi la anglalingvan nivelon de siaj gejunuloj. Tamen, kion mi rimarkigis okaze de konferenco okazinta en tiu lando en novembro 2002, se ni rigardas la najbarajn landojn, ni ekvidas ke Filipinoj, kie la angla lingvo estas supere plej bone parolata en la regiono, estas ankaŭ malplej altnivelaj sur la ekonomia tereno en Sudokcidenta Azio!

Unusola lingvo malmultigas la nombron de esprimmodoj kaj de referencpunktoj, kaj ĝi ignoras la pens-skolojn funkciantajn per aliaj lingvoj. Ne eblas konfidi al aliaj la regadon de la difinoj kaj de la enbildigiloj de la homa kono. Jen kial la internacia komuniklingvo estu nepre sennacieca, kaj esperanto estas la nura lingvo nun konforma al tiu kriterio.

Mia batalo estas batalo por la libero de la spirito, ĉar tiu libero estas la kondiĉo de ĉiuj aliaj liberoj. Mi estas hodiaŭ kun vi, ĉar la esperantistoj fundamente tiel samopinias.

*Tradukis el la franca:*
**Claude Longue-Epée**

# Bildekspozicio en Placo Esperanto

Ekde dimanĉo apartenas ankaŭ bildekspozicio al la kongresaj eventoj. En la Placo Esperanto prezentiĝas bildoj de germana Esperanta paro laŭ diversaj bildartaj teknikoj. Rita Rossler prefere pentras, Franz-Georg Rossler presas de sur lignaj kaj aliamaterialaj tabuloj. La bildoj estas adaptitaj al la transportebleco kongresvojaĝe, do en kartonaj kadroj kaj same grandaj. Ja duoblaĵoj, multaj similas originalojn pro specilaj reproduktaj teknikoj.

La ekspozicio restos ĝisfine de la kongreso. Demandoj ktp. estas direkteblaj al KN 971 aŭ KN 972.



## KOREKTOJ

### Ŝanĝo kaj kompletigo

Fan Baiguan (KN 1685) havas la adreson Retkellijänkatu 4A2, FI 00980 Helsinki, Finnlando.

Nora Caragea, noca-n, KN 255, havas la adreson: Poŝtfako 100513, D-60005 Frankfurt am Main, Germanio. La adreso mankas en la Kongresa libro.

# "Indiĝenaj dialogoj" savendaj kaj saveblaj

Plur-okaze la Komitato* aprezis "Indiĝenajn dialogojn", agadon de sendependa instruejo ebligantan al minoritataj etnoj lerni Esperanton kaj utiligon de interreto por komuna defendo de siaj kulturaj rajtoj. La respondeculo, pro necesa (korpa) terapio, ne povas ĉeesti: Bessie Schadee lanĉis kampanjon por sendepende de ŝataj subvenciantoj, kiuj malemas helpi pro la konjunkturo, daŭrigi la laboron. "Du eŭroj tage", per 100 promesantoj ebligu

1) Teni etan oficejon (1 ĉambron en Hago, Nederlando) kun tri-komputila retaro, la I.D.-arkivo kaj instru-materialo;

2) Salari 3 neplenajn oficistojn: direktoron, ret-specialiston, oficejan asistanton;

3) Ĉiujare minimume 1 kurson.

Pro ĉi-jare financa malhelpo ĉi-jare ne eblas aranĝi kurson, sed en 2004 venos la vico al "Virina Retaro" en Burkina Faso, kaj nekonata ruslanda etno jus informiĝis (supoze pro la sukceso ĉe komioj).

Oni engaĝas sin por tri-jara subteno per (duonjaraj pagoj (en Nederlando imposte avantaĝaj) al konto ĉe banko "Rabobanko" (!) en Wassendar.

Se vi, eventuale klub-skale, interesiĝas, bonvolu peti detalojn de KN 78, kiun Bessie petis peri. (Aliĝis 17 ĝis majo, t.a. neriĉa patrino, kiu interkonsentis pri tio kun la filineto, kaj 1 esperantisto.)

* Ankaŭ Petrick Gallaud, NRO-kunordiganto ĉe Unesko, kiu en Fortaleze entuziasme sekvis la laborojn, eĉ komencis lerni esperanton, esprimis sin fervore pri "I.D."

Mi sugestas same (klube) subteni "Komunikan Centron en Bruselo, kaj la iniciaton de TEJO havi plentempan dejoriston ĉe la Centra Oficejo de U.E.A.

**Rob Moerbeek, KN 78**

## Interreto en la kongresejo

Se vi bezonas kontroli vian retpoŝton dum la konresaj tagoj, tio eblas. Ekzistas du unupersonaj t.n. "Business rooms", kie vi povas fari tion. Ili estas ekipitaj per rekta ligo al la interreto. Ili troviĝas en la proksimeco de *Kafejo Kvinpinto*. Demandu la junulinojn ĉe la giĉeto je la alia flanko de la ŝtuparo. Ili bedaŭrinde ne parolas esperanton.

# Riĉa dimanĉo





*Nur du bildoj ilustrantaj la vere buntan dimanĉan programaron, kiu altiris montriĝis tre sukcesa iniciato. La salonoj estis plenaj da scivolemaj kaj partoprenemaj kongresanoj, kiuj venis por lerni ion novan kaj aldoni novajn perspektivojn al siaj konoj pri esperanto. Sur la bildoj Marko Naoki Lins kaj Dafydd ap Fergus, nur du el multaj prelegantoj kaj diskutgvidantoj.*

(Fotis Stano Marĉek)

# Kio estas kvizo?

Kvizon ŝajne inventis britoj. Temas pri publikaj bataloj inter teamoj, kiuj devas respondi demandojn prezentitajn al ili de gvidantoj. La teamo, kiu plej bone respondas la demandojn, venkas. Kvizoj estas amuzaj kaj instruaj por la publiko.

Nia kvizo okazos vendredon, je la 15-a horo en salono Lapenna. Nepre venu ĝui la spektaklon. La demandoj pritraktos Esperanton kaj la Esperanto-movadon.

Kaj ni bezonas konkursantojn! Unuopuloj kaj tripersonaj teamoj (el via lando? via urbo? via faka asocio? via hotela koridoro?) sin anoncu ĉe Informejo aŭ ĉe la organizantoj Zlko Sikosek (KN 1429) aŭ Michela Lipari (KN 79).

La venkintoj gajnos valorajn premiojn kaj la venkintoj valoran sperton!

88-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO 2003 Göteborg

# KURIERO 4

KONGRESA KURIERO DE LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO · GÖTEBORG, LA 29-AN DE JULIO 2003

## ATENTIGOJ

### Prenu vian jarlibron!

**Partoprenantoj de la ĉi-jara UK, kiuj ricevas la Jarlibron aŭ la Gvidlibron, povas ĝin preni persone ĉe la giĉeto JARLIBRO vidalvide al la Akceptejo. Nepre alportu la koverton, en kiu vi ricevis la kongresan karton (simboloj J kaj G). Malfermita 9:00 — 12:00, 14:00 — 17:00.**

### Tiuj, kiuj aliĝis surloke

estas petataj preni siajn nomŝildojn en la akceptejo. La provizoraj grizaj nomŝildoj validas nur dum kelkaj horoj (kaj ne estas same belaj).

### UEA-reprezentantoj, aŭ tiuj, kiuj volas esti UEA-reprezentantoj en Novjorko, Parizo, Ĝenevo, Bruselo

Bonvolu nepre partopreni la subkomitatan kunsidon Eksteraj rilatoj je la 11:00 en mardo, 29 julio, en ĉambro Harry.

**Lee Chong Yeong,**
*Eksteraj rilatoj,*
*Hotel Gothia Towers, ĉambro 1120*

### Atenton

**Subkomitato pri financo kaj administrado** kunsidos denove **ĵaŭde je la 15.00 en salono Harry.**

### Ankaŭ britoj salutas

Pro teknikaj kialoj bedaŭrinde ne aperis sur la podio dum la Solena inaŭguro salutanto de Esperanto-Asocio de Britio, tamen la britaj esperantistoj kore salutas la kongresanojn kaj forte subtenas la kongresan temon de lingvaj rajtoj kaj respondecoj.

### UMEA

Tuj post la kunsido de UMEA (marde, la 29-an de julio je la 13.00–14.30 en salono kalocsay) komuna ekiro, piede kaj trame, al malsanulejo Sahlgrenska por studvizito ĉe la nefrologia kliniko.

### Elektokomisiono

La elektokomisiono de la komitato de UEA vokas vin al kunveno marde je la 11-a horo en salono Lundgren por prepari kune la venontjaran elekton de UEA-estraro por la periodo 2004–2007. Venu, proponu kaj sugestu! Ĉiuj povas helpi kaj kontribui al formiĝo de plej taŭga stabo.

### Esperanto-filatelistoj

renkontiĝos mardon, la 29-an de julio je la 18.15 en la kongresejo Placo Esperanto.

## ŜANĜOJ

### Ŝanĝo de salonoj!

Marde la kunsidoj en salono **Lundgren** okazos en salono **Harry** kaj la kunsidoj en salono **Harry** okazos en salono **Lundgren**.

## TUTE KONCIZE

# La 88-a Universala Kongreso de Esperanto malfermita

(Fotis Stano Marček)



Lunde okazis la solena malfermo de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto. Jen resumo senkomenta de la malferma ceremonio.

**1 Oficialaj parolantoj**

La urbo Göteborg sendis reprezentanton.
- La regiono de Vestrogotio ankaŭ sendis reprezentanton.
- La ambasadoro de Ĉinio parolis.
- Unua sekretario de la pola ambasado parolis.
- UNESCO sendis mesaĝon, kiu estis legita.
- La ambasadoro de Irlando sendis mesaĝon, kiu estis legita.
- La konsulo de Gabon ĉeestis.
- Venis multaj salutoj, inter alie de Sture Allén, membro de la honora komitato.

Muzika interludo

**2 Centraj paroladoj**
- Franko Luin, prezidanto de Sveda Esperanto-Asocio.
- Roland Lindblom, prezidanto de la Loka Kongresa Komitato.
- Zalesky-Zamenhof, nepo de Ludoviko Lazaro Zamenhof.
- Humprey Tonkin, direktoro de la Kongresa Temo, parolis kaj invitis surscenen Charles Durand.
- Profesoro Charles Durand, speciale invitita por riĉigi la Kongresan Temon.
- Renato Corsetti, prezitanto de la Universala Esperanto-Asocio.

**3. Salutoj**
*Organizoj, kiuj salutis:*
- TEJO (Sonja Petrovic)
- ILEI (Maŭro la Torre)
- Akademio de Esperanto (prof. Bartosz)
- SAT

*Landaj asocioj, laŭ ordo de alvoko:*
- Albanio, Argentino, Aŭstralio, Aŭstrio, Belgio, Belorusio, Bosnio-Hercegovino, Brazilo, Ĉeĥio, Ĉilio, Ĉinio, Danio, Estonio, Finnlando, Francio, Germanio, Hinda Unio, Hispanio, Hungario, Irlando, Islando, Israelo, Italio, Japanio, Jordanio, Kanado, Kolombio, Koreio, Kroatio, Kubo, Latvio, Litovio, Luksemburgio, Meksiko, Nederlando, Norvegio, Pollando, Portugalio, Rumanio, Rusio, Nepalo, Slovakio, Serbio-Montenegro, Slovenio, Svedio, Svisio, Ukrainio, Usono, Venezuelo

**4. "La Espero"**

Post tio Renato Corsetti deklaris la kongreson malfermita.

**Janko Luin**

## NE MALTRAFU!

Roman Dobrzynski, aŭtoro de la nova libro "la Zamenhof-strato" kaj laŭ lia peto Ludoviko Zaleski-Zamenhof dejoros en la libroservo kaj subskribos ekzemplerojn de la libro:

marde inter 14.00 kaj 14.30
ĵaŭde inter 13.00 kaj 13.30
vendrede inter 12.00 kaj 12.30

# Mesaĝo de UNESKO al la UK

**Mesaĝo de la Asista Ĝenerala Direktoro de Edukado de UNESKO**

Kun granda plezuro mi, komisiite de la Ĝenerala Direktoro de UNESKO, hodiaŭ sendas saluton al la partoprenantoj de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto. Kiel vi scias, UNESKO aljuĝas grandan gravecon al kunlaboro kun neregistaraj organizoj, ĉu internaciaj ĉu naciaj, ĉar ni same celas krei solidarecon kaj interkomprenigon. Pro tio ni alte taksas niajn multjarajn rilatojn kun Universala Esperanto-Asocio, kiu ĉiam aktivis por establi ligojn inter diversaj popoloj, tiel kontribuante al internaciaj interkompreniĝo kaj paco. UNESKO rigardas lingvojn kiel kanalojn de dialogo kaj do de interkompreniĝo. Pacaj interrilatoj inter la nacioj de la mondo nepras en la nuntempo, kaj lingvo kaj kulturo estas la ŝlosilaj elementoj de internacia dialogo.

Ĉiu lingvo estas kaj esprimo de la kulturo de komunumo kaj ilo por konservi tiun kulturon por postaj generacioj. Ĉiu lingvo en la mondo prezentas unikan manieron percepti la realon. Estas danĝero, ke multaj el tiuj lingvoj, protektantoj de diverseco, malaperos dum la venontaj jaroj, se ni ne multe penos por ilin konservi.

Per tio, ke ĝi stimulas komunikmetodon, la Esperanto-movado helpas konstrui pontojn de interkompreniĝo inter diversaj popoloj kaj kulturoj. Tiumaniere Esperanto helpas montri, ke unueco kaj diverseco eblas kaj fakte necesas.

Mi gratulas Universalan Esperanto-Asocion pro tiu iniciato kaj mi deziras al la kongreso ĉian sukceson.

**John Daniel, Parizo**

# Parolado de Louis C. Zaleski-Zamenhof

Estimata Sinjoro Prezidanto,
Estimataj Gesinjoroj Honoraj Gastoj,
Estimataj Gekongresanoj,

mi salutas vin, karaj Geamikoj, karaj Gefamilianoj de la granda Zamenhofa Rondo Familia, alvenintaj al Gotenburgo por kongresi kaj por debati pri la lingvaj rajtoj, grava kaj defendinda elemento de la homaj rajtoj ĝenerale. Okazis, ke antaŭ sesdeko da jaroj la nomo de, tiam de ni ne konata, urbo Gotenburgo aperis al mi, al mia familio, ĝuste kiel sinonimo de tiuj homaj rajtoj, kiel sinonimo de libereco. Al ni, en Varsovio tiam sub okupacio, al ni enkarcerigitaj antaŭ la fi-famaj muroj, Gotenburgo egalis mondon fabelan, mondon el kiu, same kiel manao de ĉielo en tempoj bibliaj, alvenadis diversaj bongustaj manĝaĵoj kies ekzisto estis ĉe ni, tiutempe, jam de longe forgesita. Mi ĉiam memoros la nomon de la sendinto aperinta sur la pakaĵoj: la nomon de Einar Adamsson, gotenburgano kaj esperantisto. Mi havis la ŝancon, kelkajn jarojn pli malfrue, konatiĝi persone kun la karmemora Homo, okaze de la kongreso en Malmö, la sola kiun mi sukcesis partopreni dum postmilita jardeko. Tiam mi konatiĝis ankaŭ kun la urbo Gotenburgo, kaj amikiĝis kun la tuta familiaro ADAMSON; cetere la filino de Einar daŭre estas amikino tre kara.

Pardonu, Geamikoj, la karakteron eble tro personan de ĉi tiu mesaĝo kiun mi volis esti oficiala. Ĝin konkluante, mi ŝatus deziri plenan sukceson al la 88-a Universala Kongreso nun komencanta. Mi esperas ke la rezultoj de niaj debatoj, saĝe kaj lerte de Profesoro Humphrey TONKIN gvidataj, grave kontribuos plifortigi lingvajn rajtojn, sekve la rajton al propra kultura identeco de ĉiuj komunumoj sur nia terglobo; rajtojn kies protekton celas ja nia neŭtrala lingvo Esperanto. Rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante ni iru la Zamenhof-straton kondukantan al harmonia interkompreno de popoloj, kies plenfajta originlingva diverseco ne plu kaŭzu malamon reciprokan, sed estiĝu plej valora komuna kultura riĉeco.

Enkadre de nia Universala Esperanto-Asocio ni daŭre laboru kaj batalu por la lingvaj rajtoj, sed ankaŭ, same kiel antaŭ sesdek jaroj, por la homaj rajtoj ĝenerale kaj tute specife por la rajto nenie malsati sur nia terglobo. Ni kontribuu al la monda etoso de solidareco, ni apogu tiukampan agadon de UNESKO kaj de la Unuiĝintaj Nacioj, surbaze de niaj kun ili rilatoj, kiuj estu ne nur oficialaj, sed ankaŭ efikaj kaj konsiderintaj.

Louis C. Zaleski-Zamenhof

KONGRESA TEMO

# Rimarkoj pri la kongresa temo

*Enkonduke al la preleganto Charles Durand, kiu francĺingve alparolis la kongreson kaj per sia parolado enkondukis la kongresan temon, prof. Humphrey Tonkin donis la jenajn rimarkojn:*

Karaj gekolegoj,

Nia kongresa temo ĉi-jare estas "Lingvaj rajtoj kaj respondecoj". Enkondukon al la kongresa temo vi trovos sur paĝoj 36 kaj 37 de la Kongresa Libro. Mi ne ripetos ĉi tie miajn tieajn rimarkojn, kiujn vi povas mem legi. Sed mi ja prezentos profesoron Probal Daŝgupto, kiu kunlaboras kun mi en gvidado de la diskutoj pri la kongresa temo.

Kunlige kun la temoj de niaj kongresoj, ni ofte invitas eksteran fakulon veni al la kongreso por transdoni al ni siajn spertojn. Ĉi-jare ni invitis la profesoron Charles Durand, kiu estas konata en la franclingva mondo pro du libroj, La mise en place des monopoles du savoir (La starigo de monopoloj de scio), kaj La nouvelle guerre contre l'intelligence (La nova milito kontraŭ la inteligento). En siaj libroj profesoro Durand, kiu estas profesoro en la Teknologia Universitato de Belfort-Montbeliard en Francio, aparte emfazas la etikon de la unulingveco de la internacia mondo, en kiu la angla lingvo forpuŝas ĉiujn aliajn lingvojn. Li bone konas la terenon: li estas specialisto pri informadiko, kaj li instruis dum multaj jaroj ne nur en Francio sed ankaŭ en Usono.

Ni petis profesoro Durand klarigi siajn ideojn. Li partoprenos poste la kunsidojn pri la kongresa temo hodiaŭ, mardon kaj ĵaŭdon, kaj tie ni havos okazon debati liajn ideojn kun li. Ĉar li ankoraŭ ne estas parolanto de Esperanto, li parolos al ni hodiaŭ en la franca lingvo. Anstataŭ longigi la paroladon per interpretado, ni donis al vi en la Kongresa Kuriero la tekston de lia parolado en Esperanto, kiun tiuj, kiuj ne komprenas la francan povos tie sekvi. Ni petas vian indulgon pro tiu ĉi utiligo de nacia lingvo en tiu ĉi internacia medio, sed ni kredas, ke liaj provokaj ideoj meritas nian atenton.

*[Charles Durand: Karaj amikoj, Koran saluton. Mi ne jam estas esperantisto. Mi petas vian pardonon pro tio. Vi havas la tradukon de mia parolado antaŭ vi. Mi parolos en la franca lingvo kaj vi povos sekvi la paroladon en la Esperanto-traduko, kiun vi havas antaŭ vi.]*

Mi forte dankas al Charles Durand pro liaj rimarkoj, kiuj certe donos vivon kaj spicon al niaj diskutoj pri la kongresa temo "Lingvaj rajtoj kaj respondecoj." La unua kunsido pri la kongresa temo okazos ekde la 14-a horo 45 hodiaŭ en la salono Lapenna. Mi invitas vin partopreni ne nur por aŭskulti, sed ankaŭ por alporti viajn ideojn al niaj diskutgrupoj.

La temon ni traktos ĉefe en diskutgrupoj, esence pere de serio da demandoj. Kio (ekzemple) estas rajto, kaj, inter la diversaj homaj rajtoj, kio estas lingva rajto? Ĉu estas diferenco inter individua lingva rajto kaj kolektiva lingva rajto? Ĉu ekzistas ankaŭ lingvaj respondecoj — ne nur juraj, sed ankaŭ moralaj? Kiujn reciprokajn respondecojn havas lingva malplimulto kaj ĉirkaŭanta lingva plimulto flegi kulturan interkompreniĝon per tradukado, lingvoinstruado kaj alimaniere?

Ĉu ni povas ekspluati difinitajn nuntempajn politikajn evoluojn favore al Esperanto, ekzemple reziston al la influo de la angla lingvo en Eŭropo? Ĉu ni povas veki apogon por Esperanto en sciencaj kaj teknikaj medioj?

Sed tre esenca demando estas la jena: Kiun ekvilibron ni trovu inter unuflanke la pledado por Esperanto kaj aliflanke la atentigo pri maljustaj solvoj de la internacia komunikado per etnaj lingvoj? La Esperanto-movado estas parte protesta movado: kontraŭ lingva malegaleco, lingva maljusto, lingva diskriminacio. Sed ĝi estas ĉefe kaj nedivideble movado por la homa bono — por komunika egaleco, por mondo internacie kaj interpopole harmonia, por senpera komunikado inter ordinaraj civitanoj el ĉiuj partoj de la mondo. Ni venas al niaj kongresoj por uzi kaj ĝui nian lingvon, kaj por montri, ke tiu ĉi lingvo, tro ofte ignorata, funkcias plene, komplete, kaj sen obstakloj. Ni protestas kontraŭ la lingva diskriminacio, sed ni atestas per niaj vortoj kaj niaj agoj la efikecon de la Internacia Lingvo Esperanto. Atesto kaj protestoâ?   Ambaŭ gravas, sed inteligenta kaj celkonscia atestado estas esenca.

Se ni volas sukcesigi nian lingvon, ni devas koni la argumentojn de la aliaj kaj scii kiel respondi al ili. Jen la celo de la kongresa temo. Partoprenu la debaton hodiaŭ, ekde la 14-a horo 45 en la Salono Lapenna.

RAPORTO PRI KUNVENO

# UK integrigu blindulojn

La kunsido "Esperanto, ĉu inkluziva movado?" estis aranĝita pro la dubo, aparte pri blinduloj, kiel la titolo, kvankam Esperanto nomas sin "ĉies lingvo".

Blinda s-ro Aldo Grassini el Italio, KN1410, la ĉefparolanto, prezentis la longedaŭrecon de blindula Esperanto-movado, ekz. brajla organo "Esperanta Ligilo" de LIBE (=Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj) 100-jariĝos en 2004, kaj gvidantecon de blinduloj en la ĝenerala Esperanto-movado en diversaj landoj. Li klarigis ankaŭ pri malfacilaĵoj por blinduloj en la socio kaj en la Esperanto-movado, t.a. tamen nuntempe komputilo helpas multe kaj en reta komunikado blinduloj estas bone integritaj, kvankam tio validas ne por ĉiuj blinduloj.

Sekve s-ino Kikusima Kazuko el Japanio, KN1151, prezentis klopodojn en diversaj Esperanto-eventoj en Japanio: aranĝi kotiz-kategorion "handikapitoj" (sumo de rabato ne gravas) por prezenti la akceptemon; en malfermo kelksekunde informi pri ĉeesto de blinduloj; meti en dokumentujon informilon pri kontakt-maniero kun blinduloj (ĉi UK faris!); organizi fakkunsidon por konigi diversaĵojn pri blinduloj.

En la kunsido ĉeestis 38, inkluzive de 11 blindaj (en UK mem partoprenas pli). Blinduloj prezentis sin kaj opiniojn/spertojn. Poste ankaŭ vidantoj demandis kaj komentis.
Post la kunsido venis voĉoj kaj de blinduloj kaj de vidantoj: Ĉi tian kundion UK havu ĉiujare.

**Kikusima Kazuko *(Krizantemo)*, KN1151**

NOVAJ ALIĜINTOJ

1746 Rainer Kurz, Germanio
1747 Olena Poŝivana, Ukrainio
1748 Taisa Poŝivana, Ukrainio
1749 Ana Montesinos de Gomis, Britio
1750 Arja Marita Kuhanen, Finnlando
1751 Margherita D'Onofrio, Italio
1752 Laura La Torre, Italio
1753 Sara Török, Svedio
1754 Per Ola Axelsson, Svedio
1755 Aminda Axelsson, Svedio
1756 Gunborg Stenström, Svedio
1757 Ilona Koutny, Pollando
1758 Sergej Popov, Svedio
1759 Gabriele Corsetti, Italio
1760 David Rey Hudeček, Kroatio
1761 Carole Marolleau, Francio
1762 David Marolleau, Francio
1763 Nataŝa Gerlach, Svedio
1764 Jomart Amzeyev, Svedio
1765 Carina Gerlach, Svedio
1766 Hector Jiménez Batista, Kubo
1767 Sally Phillips, Britio
1768 Peter Bolwell, Britio
1769 Darko Bialić, Kroatio
1770 Natalia Bertse, Svedio
1771 Andreo Bertse, Svedio
1772 Nihoe Jamamoto, Japanio
1773 Manfred Odenwald, Germanio
1774 Nils Hoyer, Svedio
1775 Ulrich Ender, Germanio
1776 H. Jürgen Foth, Germanio
1777 Malgorzata Mayer, Pollando
1778 Edward Kozyra, Pollando
1779 Roman Dobrynski, Pollando
1780 Faruk Islamović, Kroatio
1781 Ivana Pripuzović, Kroatio
1782 Agneta Lund, Svedio
1783 Georgo Handzlik, Pollando
1784 Henrik Randehed, Svedio
1785 Albert Schubert, Germanio

# Esperanto muzikas

"Kiam mi komencis antaŭ du jardekoj ni estis la sola rokgrupo," agnoskas la relative juna Kim J. Henriksen, muzikisto de 'Esperanto Desperado'. Dum la venontaj du jardekoj, Henriksen, dano kaj denaska parolanto de Esperanto, multe kontribuas al Esperanto-muziko per sia pasia ĉarmo kaj arto. Sed ankoraŭ hodiaŭ la 42-jarulo batalas kontraŭ antaŭjuĝojn pri muziko en la internacia lingvo. Ĉu entute Esperanto-muziko eblas? Ĉu Esperanto-muziko havas malaltan kvaliton? Henriksen konscias ke eĉ ene de la Esperanto-komunumo estas duboj pri Esperanto-muziko. "La kvalito ne ankoraŭ estas samnivela," li agnoskas. "Tamen hodiaŭ ni preskaŭ speguligas la diversecon de neesperanta muziko."

Merkrede je la 8a vespere vi havos la ŝancon admiri 'Esperanto Desperado' sur la scenejo. Ankaŭ kantos Jomart kaj Nataŝa. Malantaŭ la sukcesa muzikprogramo staras Keiko Snarberg, respondeculino pri la junulara programo de la Universala Kongreso. "Mi ankaŭ provis havi Dolĉamar sur la scenejo sed ili bedaurinde ne havas tempon por veni al la UK," konfesas stokholmino Snarberg. "Mi volas montri la diversajn stilojn de Esperanto muziko al esperantistoj kaj neesperantoj en la fama klubejo Jazzhuset." Sxi aparte ĝojus vidi multajn neesperantistojn dum la koncerto. "Estas pli facile konvinki neesperantistojn pri la valoro de nia lingvo pere de muziko," entuziasmas Snarberg.

**Dafydd ap Fergus**

La koncerto okazos ĉe Jazzhuset, Erik Dahlbergsgatan 3.



*Keiko Snarber, sur la bildo, ne muzikos, sed ŝin ni devas danki, ke okazos la publika muzikprogramo en Jazzhuset.*

(Fotis Dafydd ap Fergus)

88-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO Göteborg 2003

# KURIERO 5

KONGRESA KURIERO DE LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO · GÖTEBORG, LA 31-AN DE JULIO 2003

## SCIINDAS

### Nova estraro de TEJO

Dum la IJK pasintsemajne estis elektita nova estraro de TEJO:

Bertrand Hugo, prezidanto
Sonja Petrović, vicprezidanto
Aleks Kadar, ĝenerala sekretario
Katja Ignatieva, kasisto
Jevgenij Gaus, estrarano

Kiel faka sekcio estis akceptita esperanto@interreto, kies agadkampo estas kreado de ttt-paĝoj, organizado de seminarioj kaj informado pri la bona kombino de esperanto kaj interreto.

### Fakaj asocioj

Kelkaj fakaj asocioj de UEA prezentas sian agadon ĉe la giĉetoj **dum ĵaŭdo** laŭ jena horaro:

09.00–10.30 filatelistoj, poŝtistoj
10.30–12.00 ATEO, IKEL
12.00–13.30 IKUE, KELI
13.30–15.00 Mondo sen mono, IKEF
16.30–18.00 TEVA

### Rezulto de la Oratora konkurso

Unua premio: ne aljuĝita
Dua premio: Andreo Korobejnikov, Rusio
Tria premio: Bianca Mureşan, Rumanio
Laŭda mencio: Natalja Parshina, Rusio

Koran gratulon al la kuraĝaj konkursintoj! La transdono de premioj okazos sabate en la ferma kunsido.

**Eliza Kehlet**

### Neprenitaj libroj

La persono, kiu aĉetis unu volumon de **Quo vadis?** estas petata reveni al Libroservo por ricevi ankaŭ la duan volumon.

La persono, kiu aĉetis unu volumon de **La faraono** estas petata reveni al Libroservo por ricevi ankaŭ la ceterajn du volumojn.

### Filmoj pri Litovio

En Libroservo estos montrataj jenaj filmoj pri Litovio en esperanto:

- ĵaŭde je la 12.30: "Baltmara sukceno"
- ĵaŭde je la 15.30: "Kaunas — urbo ĉe riverkunfluo"
- vendrede je la 15.00: "Litova kalendaro. Festoj, moroj, tradicioj"

Litovio preparas sin por akcepti samideanojn el la tuta mondo al Vilnius, kie en 2005 okazos Universala Kongreso. Konatiĝu jam nun kun la lando!

En tio helpos vin ankaŭ la revuo Litova Stelo, al kiu vi povas aboni ĉe la budo **Venontaj UK**, kie deĵoras litovaj esperantistoj.

### Patronoj de TEJO

La akcepto de **TEJO-patronoj** okazos ne je la 9-a horo, sed anstataŭ TEJO-konferenco **vendrede**, ekde la **17.15 en salono Adamsson**.

## LA PUBLIKA BILDO PRI LA UK

# Daŭra intereso pri la 88-a UK ĉe la amaskomunikiloj

*Kuriero* jam raportis pri la granda intereso pri la Universala Kongreso. Pliaj artikoloj aperis, ankoraŭ unu ampleksa dissendita de la sveda novaĵagentejo TT. La kvanto da artikoloj estis plej granda dum la komencaj tagoj de la kongreso; kiam ĝi eniris sian pli ĉiutagan fazon de kunvenoj kaj prelegoj, la artikoloj malmultiĝis. Aperas ankaŭ en la radio kaj televido mallongaj programeroj, ekzemple rapidaj intervjuoj kun unu aŭ alia kongresano.

La speco de interesiĝo ankaŭ ŝanĝis karakteron. Dum mardo malmultaj povis eviti rimarki teamon de la Sveda televido, kiu sekvis multajn fakkunsidojn kaj petis la kunvenantojn grupiĝi kvazaŭ por grupfoto kaj filmis ilin. Maria Sleszczynska, ĵurnalistino, kaj Benjamin Jonsson, filmisto, (sur la bildon ĉi-flanke) preparas programon por la kulturredakcio de la Sveda televido. Ĝi dissendiĝos aŭtune en la programo *Cobra*. Ĝi ne temos pri la kongreso, sed pri la homoj, kiuj okupiĝas pri esperanto, pri la vasteco de interesoj inter esperantistoj.

Jam de kelkaj tagoj sekvas la kongreson kaj intervjuas esperantistojn Maximilian Moll de la prestiĝa franc-germana televida kanalo ARTE. Ankaŭ lia celo estas pli ĝenerala ol la laboroj de la kongreso. Li interesiĝas speciale pri esperanto-parolantaj familioj kaj la avantaĝoj, kiujn la infanoj en tiaj familioj eventuale ricevas per frua parolado de esperanto.

Marde alvenis Ginanne Brownell, ĵurnalistino ĉe la usona magazino *Newsweek*, kun la celo skribi artikolon pri esperanto, bazitan sur propraj spertoj de partopreno en esperanto-kongreso kaj intervjuoj kun faktaj uzantoj de esperanto.

Al la kroata ĵurnalo *Slobodna Dalmacija* raportas Davor Grgat, ankaŭ akreditita ĉe la kongreso. Lia avantaĝo estas, ke li parolas esperanton kaj povas senpere sekvi niajn diskutojn kaj laborojn.

Certe aliaj kongresanoj ankaŭ raportas aŭ raportos al siaj lokaj aŭ regionaj gazetoj. Se vi ankoraŭ ne planis fari tion, kaptu la okazon! Estas preparita skizo de teksto, kiun vi povus utiligi, tradukante ĝin en vian nacian lingvon kaj aldonante kelkajn proprajn informojn, tiel ke ĝi aspektos persona kaj ne amasproduktita. Vi trovas ĝin en la ĉambro de la redakcio de *Kuriero* (ĉambro De' Giorgi, R 23).

**Franko Luin**



*(fotis Dafydd ap Fergus)*

## Reklama aviadilo

"Antaŭ ok jaroj mi eklernis Esperanton," rakontas Etsuo Miyoshi, prezidanto de la Swany Corporation kaj partoprenanto de la gotenburga UK. "Nia celo estas unu dio, unu mondo, unu lingvo." Kaj por Miyoshi, kaj por la multaj Oomotanoj, tiu lingvo estas Esperanto. "Mi ofte vekiĝas je la 4-a matene kaj dum du horoj mi legas en Esperanto. Vespere mi provas sekvi mian Esperanto-kurson," agnoskas Miyoshi. "Tio ne sufiĉas pro mia aĝo kaj Esperanto estas eble iom pli malfacila lingvo por japanoj."

Miyoshi forte kontraŭas la lingvan malegalecon en la mondo. "Niaj politikistoj ne kuraĝas kontraŭi ĝin. Tiurilate, Eŭropo estas iom pli forta regiono kaj ĝi povas esti la iniciato de lingva revolucio. Reklamoj devas provoki reagojn de gravuloj." Li esperas frapi politikistojn per reklamoj. "La etiko altiĝos kiel aviadilo," diras Miyoshi. "Mi forte esperas ke vekiĝos eŭropaj politikistoj." Miyoshi jam malavare disponigis pli ol 100.000 eŭrojn por reklamoj en la plej gravaj eŭropaj gazetoj.

**Dafydd ap Fergus**

# Inspirige pri Landa agado

Sub la gvido de Michela Lipari kaj en ĉeesto de kelkdeko da interesitoj, reprezentantoj de tri landaj asocioj raportis pri la situacio de propra aganta movado.

Povilas Jegorovas el Litovio prezentis bildon tute ne imageblan por pluraj el ni: anoncoj pri kursoj faritaj per ordinaraj (senpagaj!) kanaloj allogas tiom da studantoj, ke la lernoĉambroj plenas per centoj da ili. En universitatoj la situacio samas. La nura problemo estas manko de instruistoj. Grandan laboron oni faras ankaŭ sur la eldona kampo, dum la lasta tempo ĉefe dank' al subvencioj de urbaj kaj landaj instancoj. Nu, la litova prezidanto skizis brilan cirkonstancaron por sukcesa loka agado. Alia problemo, tre bone konata al ĉiu aganta esperantisto, estas kian strategion adopti por ke la studintoj aliĝu al la movado kaj fariĝu aktivuloj?

El Japanio rakontis pri siaj aktivecoj s-ino Syozi Keiko. Pluraj el la ĉeestantoj certe sentis iom da envio: Japana Esperanto-Instituto posedas 4-etaĝan domon, duonparte forluitan (do profitodonan), kie oni aktivas eldone, instrue, propagande ktp. La japana esperantistaro estas informata pri Esperanto per 40-paĝa ĉiumonata organo "La revuo orienta". La kursoj estas kontentige vizitataj, sed la membraro nek kreskas nek malkreskas.

S-ro Claude Longue-Epée raportisa pri la agado en Francio. Eblis konatiĝi kun tre kurioza surloka situacio, ligita kun la plej fruaj tempoj de ekzisto de Esperanto, kiam dum iama konferenco de Ligo de Nacioj, komence de la antaŭa jarcento, oni perfidis Esperanton, fuŝante tiel ĝian postan pludisvastiĝon. Ankoraŭ nun oni batalas kontraŭ tiaj antaŭjuĝoj, firme fiksitaj en la kapoj de oficialuloj; tial granda parto de la agado estas direktata al interna kaj konstanta informado al politikistoj, registaraj ministerioj, parlamentanoj de Eŭropa Unio (t.a. kun aparte kontentiga rezolucio de ĉi-lastaj). Per belaspekta du-lingva revuo la esperantistoj estas informataj pri laboroj kaj eventoj, dum sur la instrua kampo, pro la landaj leĝoj, ĉiu instruisto devas serioze engaĝiĝi por enirigi Esperanton en la lernejojn. Konklude, oni havis la impreson de tre bone organizita movado.

Tute laste alvenis raportanto el Kubo, Maritza Gutiérrez, kiu tre koncize prezentis situacion sufiĉe bonfartan. Malgraŭ la daŭre grandaj ekonomiaj malfacilaĵoj, la homoj emas lerni nian lingvon, aktiviĝi favore al ĝi, havante inter propraj celoj pliriĉigi la kulturon.

Rapide pasis du interesoplenaj horoj, spicitaj de trafaj komentoj kaj tiklaj demandoj de la gvidantino. Sed kiel konkludo, kion ni "gajnis"? Notindas, ke la cirkonstancoj tre varias de lando al lando. Kio validas en oriento, tute ne aplikeblas en okcidento, kio aktualas en la nordo, eble malaktualas en la sudo, aŭ inverse. Do, ĉiu ĉion diritan trakribru, tenu por si tion, kio povas utili en la propra realaĵo. Ekkono de aliaj agadmanieroj ĉiam estas tre utila, plimotiviga kaj esperiga por efika disvastigo de Esperanto.

**Elda Doerfler, KN 1216**

## KOREKTO

En Kongresa libro estas indikita erara adreso por KN 94. La ĝusta adreso estas: Ali Khoshmashraban, Baron Rogers gata 3, 422 52 Göteborg.

## NOVAJ PROGRAMEROJ

| | | | |
|---|---|---|---|
| ĵaŭdo, 31 julio | 17.00 – 18.00 | salono Harry | Konsultiĝo de Hungardevenaj kongresanoj |
| Vendredo, 1 aŭg. | 10.00 – 11.00 | salono Kalocsay | Regeneriga terapio kaj elektronika meridiandiagnozo |

## OKAZINTAJ KUNVENOJ

### Ne-fumantoj (TADEN)

La kunveno de TADEN kunvenigis, krom la prezitanton Jan Bemelmans kaj la sekretarion Rob Moerbeek 37 personojn, inter kiuj 14 membroj.

Iniciatis la agadon [ifi] Rada kaj Bart Rugrok en 1995, kiu en 1996 fariĝis asocio prezidata de Nora Moerbeek. TADEN celas konscigi esperantistojn pri la malavantaĝaj flankoj de fumado kaj defendi la rajton de ne-fumantoj je senfuma aero. Rezulton donis nia agado, sed dume evoluis ankaŭ la leĝaro. Por tutmonda informado pri diverslandaj evoluoj aperas "Puraj Pulmoj" (po tri aŭ kvar numeroj jare): pri la tabakindustrio, tabakleĝoj kaj individuaj spertoj, sed ankaŭ sciencaj malkovroj.

Pluraj ĉeestantoj priskribis la progresojn en sia lando: Nederlando (prokrasto de fummalpermeso en konsumejoj, psikiatriaj klinikoj), Francio ("sistema malobeado" al severaj leĝoj), Serbio (ekonomia dependeco de la sola fabriko funkcianta: tabaka en Niŝ), Italio (en 2004 restoracioj fumliberiĝos, en lernejo eĉ direktoro malobservas la leĝon fumante).

Kontraŭ la timo, ke en Ĉinio ne eblos partopreni la UK-on pro fumado, s-ano Zhao povis trankviligi nin, ke la kongresejo estos fumlibera kiel ĉi tie, krom aparta) fumejoj.

La kunvenon distris (kaj mallongigis) filmistoj, kiuj invitis nin trifoje okupi la podion alterne kun la seĝaro. Fine de la kunsido aliĝis 6 personoj.

**R. Moerbeek, kn 78**

### Loka klubo — nova aliro por nova epoko?

Ni senplore lasu mortantajn klubojn morti! Tio eldiriĝis ĉe la kunsido pri lokaj kluboj dimanĉe.

Ekzistas tamen pluraj metodoj renovigi la vivon de lokaj kluboj kiuj ankoraŭ funkcias. La programo nepre dependu je la interesoj de la membroj. Aperis multaj proponoj pri aktivigaj ludoj kaj lingvaj ekzercoj kiuj bone funkciis en diversaj kluboj.

Kelkaj opinias, ke necesas havi fiksitan programon kaj propran sidejon. Aliaj pledas por ebleco simple renkontiĝi senformale. Ambaŭ povas montri al bonaj rezultoj. Komuna trajto tamen estas, ke loka agado devas esti organizita de iu — rezultoj ne aperas de si mem.

Ĉu valoras la penon organizi, kiam homoj povas esperantumi senpage per sia propra komputilo? Eble ne por ĉiuj, sed multaj sentas la bezonon esti en la sama ĉambro dum oni komunikas. Tial tradicia klubo daŭre povas kontentigi bezonon de modernaj esperantoparolantoj.

**KN 988, Torstein Kvakland, Norvegio**

### Fervojista kontaktkunveno

Lunde posttagmeze okazis la fervojista kunveno en la salono Lapenna. Ĉeestis 50 personoj el dekses landoj. La kunvenon gvidis inĝ. István Guljás, vicprezidanto de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF). Li raportis pri la 55-a IFEF-kongreso okazinta en majo en la germana urbo Dresden. Li informis la partoprenantojn pri la sekvontjaraj IFEF-kongresoj, kies planitaj lokoj estas Sopran, Hungario (2004), Brakovo, Rumanio (2005), Pekino, Ĉinio (2006). Sekvis dudekminuta, tre interesa fakprelego de s-ro E. H. Olsen kun la titolo "Kelkaj similecoj kaj diferencoj inter la nordiaj fervojoj".

La alparolantoj vigle interesiĝis pri la fervojaj vojaĝeblecoj al la IFEF-kongreso en Pekino. Kelkaj proponis aviadile vojaĝi, kelkaj aliaj preferus uzi fervojon kaj aviadilon kombinite. Estis menciinde, ke IFEF havas fervojan terminaron kun 16 000 fakesprimoj, tradukitaj je 19 lingvoj. La ĉeestantoj favore akceptis tiun ĉi informon. Oni parolis pri la estonto de la fervojista E-movado. Fine la gvidanto de la kunveno denove esprimis la malfermitecon por membrigi al IFEF ankaŭ aliajn trafikajn esperantistojn.

**Ing. István Guljás (1242)**

### Afrika agado

Kvankam la estrarano pri Afriko ne povis veni, okazis kunveno en ĉeesto de kvindeko da kongresanoj. La ĉefa novaĵo estis la fusa kreo de fondaĵo "Hans" (laŭ Hans ten Hagen), kies granda kapitalo (EUR 100 000) financigos edukadon de instruistoj en Afriko, por ke ili iĝu kvalitaj kaj memstaraj.

Daŭre funkcias Fondaĵo Afriko, kiu helpas, sed la financa helpo ne sufiĉas: personaj kontaktoj okaze de vojaĝoj, regula korespondado, ĉia solidareco estas bonvenaj.

Vizitu la budon Afriko, aĉetu poŝtkarton kaj mesaĝu!

**R.T., KN 1114**

### Ateistoj

ATEO havis sian administran kunvenon la 29-an de julio en ĉeesto de trideko da interesigantoj.

Post prezento de la estraro kaj celoj, oni priparolis la kontaktojn kun ne-esperantistaj ateistaj asocioj.

Ĵaŭde estos **budo** de la 10.30 ĝis la 12.00 kaj **kunveno** en salono Adamsson je la 16-a horo, en kiu Anna Löwenstein, Claude Nourmont, Dieter Rooke kaj Cvi Solt parolos pri solvoj por *ceremonioj* ĉe la ĉefaj etapoj de la vivo.

**C. Nourmont, KN**

### Ekonomikistoj en komerca altlernejo en Gotenburgo

Laŭ invito de IKEF 25 personoj en mardo posttagmeze vizitis la komercan altlernejon, parton de la Universitato de Gotenburgo.

Bo Sandelin, profesoro en tiu lernejo kaj membro de IKEF, unue skizis la historion kaj funkciadon de la universitato, poste prezentis la ĉefajn ekonomiajn donitaĵojn de Svedio, komparante ilin kun tiuj de la nunaj kaj estontaj membroj de Eŭropa Unio.

La kunveno finiĝis per ideo-interŝanĝo pri aktuala ekonomia problemaro.

**Roland Rotsaert, KN 1005**

### Medicino pruvebla

En la prelego pri "Saniĝo per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning" la kuracistino d-ro Katja Büker prezentis la saniĝon de viro suferinta malbonan aŭdkapablon per la aŭdilinoj antaŭ kaj post la konakto kun la instruo de Bruno Gröning. Pri pli ol 60-jara virino ŝi montris per dokumentoj de sendependaj kuracistoj pri la ostodenseco la evoluon de ostoporozo al normala ostodenseco por tiuagaj personoj. Krome raportis pri siaj saniĝoj de dorsodoloroj Harald Hombach kaj de perturboj de la manĝokutimoj Detlef Meier.

### Poŝtistoj (IPTEA)

La ĉefkunveno de Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA) okazis lunde. Ĝin prezidis la prezidanto, dipl. inĝ. Veikko Mäki-Luopo el Finnlando. Partoprenis naŭ gekolegoj kaj geamikoj el ses landoj.

Oni diskutis precipe pri la celo de IPTEA kaj la nuna situacio de la telekomunikado. La prezidanto en sia parolado konstatis, ke la nun jam 127-jara kutima drattelefono daŭre estas anstataŭigata de sendrata, radionda telefono.

**Veikko Mäki-Luope, KN 1377**

## SCIINDAS

### Ne forgesu pri la renkonto de radiaj geaŭskultantoj

Hodiaŭ je la 14-a horo en salono Lundgren atendas vin la redaktoroj de la E-elsendoj de la Radio Kuba, Pekina Radio, Pola Radio, kaj aliaj. Se vi kutimas dank' al la esperantlingvaj elsendoj ĝui la ĉiutagan esperantan lingvomedion, se vi ŝatus uzi la eblecon estonte — venu por dividi kun ni viajn rimarkojn kaj opiniojn. Ni ankaŭ havos por vi kelkajn interesajn informojn pri niaj E-programoj.

**Barbara Pietrzak**

### Paroladoj de Lapenna

Ĵus aperis du kompaktdiskoj kun kelkaj paroladoj kaj prelegoj de prof. d-ro Ivo Lapenna. Ili estas la unuaj du en planita serio de kvin k-diskoj kun liaj paroladoj.

La du unuaj konsistas el liaj tri lastaj paroladoj faritaj dum la konferenco "100 jaroj de Esperanto-kulturo" en Graz, 1987, kaj unu parolado, "Lingva diskriminacio", farita en Nürnberg 1964.

Ivo Lapenna estas la arkitekto kaj konstruinto de la moderna Esperanto-movado kaj iama prezidanto de UEA.

La diskoj estas aĉeteblaj en la kongresa libroservo kaj post la kongreso de Birthe Lapenna, KN 147, lapenna@mobilixnet.dk.

### Unua apero

La unua eldono de Nova testamento en dulingva eldono (Esperanto kaj korea) aperis antaŭ unu monato en Koreio. Se iu havas similan planon, kontaktiĝu kun KN 120, kiu volonte konsilos.

### Lernilo por gimnazioj

Sur la bluaj ekranoj apud *Rendevua tabulo* vi povas konatiĝi kun tute nova sveda lernilo, ankoraŭ ne eldonita. Nomata *EPoGo, Esperanto por gimnazianoj*, ĝi celas la svedajn mezlernejojn. Verkis ĝin Lars Forsman, Christer Lörnemark, Kjell Randehed kaj Folke Wedlin.

"Ĉu nia libro? Ekscitige!" diras kongresano Nils Hoyer, unu el la junuloj, kiu ellernis Esperanton per *EPoGo* en la gimnazio de Lerum.

La verkintoj volis krei lernilon ĉiel modernan kaj samtempe doni al ili scipovon kaj profundan kaj larĝan. La studantoj povas sekvi la etan historion pri Andreo kaj Emma, kiuj konatiĝas en Marstrand (celo de unu el la ekskursoj) kaj poste kune veturas per Interrelo tra okcidenta kaj orienta Eŭropo.

La prezento konsistas el kelkaj paĝoj de la triparta lernilo: *Tekstolibro*, *Ekzercolibro* kaj *Gvidlibro*.

**Folke Wedlin**

### Indiana saĝaĵo en 118 lingvoj

Okaze de la UK en Gotenburgo kaj kongrue kun la kongresa temo "Lingvaj rajtoj kaj respondecoj" aperis belega afiŝo, kiu donas indianan saĝaĵon pri paco en 118 lingvoj. La ĉefa lingvo — grafike apud la multkolora totemo — estas Esperanto.

La afiŝo bele akcentas la valoron de multlingveco kaj estas uzebla en ĉiu ajn esperantista aŭ neesperantista kunveno, kiu rilatas al konservado de la lingva riceco de la mondo.

Sur la tutmonde uzebla afiŝo, kkiu estas A2-formata, troveblas la adreso de UEA kaj kelkaj utilaj retadresoj.

la afiŝo troveblas ĉe la kongresa Libroservo.

**D. Blanke**




## TRI PETOJ

### Perdita video-kamerao

Lunde posttagmeze estis forgesita video-kamerao en salono Lapenna. Se vi trovis ĝin, bonvolu transdoni ĝin al Informejo.

**KN 794**

### Prospektoj pri "Bona Espero"

Saluton, nekonata kolektanto! Jen urĝa peto al vi, kiu forprenis la verdajn prospektojn pri "Bona Espero" kune kun ties plastfolio:

Bonvolu aŭ refiksi ambaŭ sub la analogan afiŝon aŭ transdoni ilin al la proksimega Informejo. Mi volonte sendos al vi kvanton da analogaj prospektoj post la kongreso.

**Otto Nelken, KN 692**
*Prezidanto de la subtena organizaĵo Bona Espero*

### Serĉata s-ro Ljo Terano

S-ro Ljo Terano longe loĝis en "Esperanto" Lafigère F 07140 Malarce en Francio kun samideanino Ana Maria. Li estis diligenta esperantisto kaj laboris kiel kamparano. Sed ankaŭ ĉirkaŭ 2 jaroj li adiaŭis al ŝi. Post tio li ne kontaktas al Japanio. Ĉu vi scias kie loĝas Ljo? Se jes, sciigu al mi lian nunan staton. Bonvolu kontakti al lia fratino el Japanio HIROSE Mariko.

**KN 1489**

# "Viktimo de sia sukceso"

Malgraŭ tio ke la scio, ke eblas sendi retmesaĝojn al la kongresanoj uzante ilian retnumeron kaj aldonante @uk-2003.net, ne estas vaste konata, alvenadas ĉiutage centoj da tiaspecaj retmesaĝoj. Janko Luin, la inĝeniero malantaŭ la teknika solvo de *Virtuala kongresejo*, estas mem surprizita pri la kvanto de alvenantaj mesaĝoj. Estas tiom da ili, ke li decidis dum la ekskursa tago, kiam la kongresejo estas fermita, ankaŭ malfunkciigi la eblecon sendi retmesaĝojn, por ke la retpoŝtkesto ne superŝutiĝu. "Ĝi fariĝis viktimo de sia propra sukceso," kiel li esprimis sin. Ek de ĵaŭdo matene tiu ebleco denove funkcias.

Ne same entuziasmaj estas la sinjorinoj ĉe *Rendevua tabulo*, kies laborkvanto fariĝis multe pli granda ol kutime. La mesaĝoj estas nome liveritaj skribe al tiu tabulo. Se vi ankoraŭ ne rigardis, bonvolu tuj fari tion. Eble atendas vin tie surpriza amdeklaro . . . Ankaŭ se vi ne atendas retmesaĝojn, kontrolu regule la *Rendevuan tabulon*. Eble alia kongresano lasis tie mesaĝon por vi.

88-a Universala Kongreso de Esperanto
2003
Göteborg

# KURIERO 6

KONGRESA KURIERO DE LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO · GÖTEBORG, LA 1-AN DE AŬGUSTO 2003

## POST LA UK

### ILEI-konferenco

Komuna ekveturo al la konferencejo en Örestrand je la 13.30 sabate. Kolektiĝu antaŭ la kongresejo je la 13.00. Ne forgesu vian valizon!!!

### Postkongreso P2: Stokholmo

Kolektiĝo sabate je la 12.30 antaŭ la kongresejo por komuna aŭtobusa vojaĝo, kiu ekiros je la 13.00. Estu akurata! Se vi maltrafos, vi devos mem aranĝi la vojaĝon al Stokholmo!

### Pekina UK jam aktualas!

La kasisto de UEA jam akceptas aliĝkotizojn por la 89-a UK en Pekino. Kaptu la okazon kaj profitu la plej malaltan kotizon!

### Kongresa revuo

La septembra numero de revuo *Esperanto* raportos pri la Gotenburga UK. Se vi gvidis aŭ simple ĉeestis interesan kongreseron kaj emus priskribi viajn impresojn aŭ montri fotojn al la ceteraj — faru tion post la reveno kaj sendu ilin al la redaktore Stano Marček. Vi trovas lian adreson en la revuo.

## ŜANĜOJ

### Novaj programeroj

- **Vendrede** je la 13.00–13.30 speciala aŭtora duonhoro de **Amri Wandel** en la Libroservo.
- **Vendrede** je la 14.45–15.55 speciala aŭtora duonhoro pri la du kompaktdiskoj kun paroladoj de **prof. d-ro Ivo Lapenna**, pri kiuj vi povis legi en la hieraŭa Kuriero. Enkondukos prof. Christer Kiselman.
- **Vendrede je la 17.00:** renkontiĝo de **aktivuloj de pola esperanto-movado** sur Placo Esperanto en la kongresejo.

## NOVAJ ALIĜOJ

1786 Björn Guo, Svedio
1787 Tjelvar Guo, Svedio
1788 vakas
1789 vakas
1790 Feidu Huang, Ĉinio
1791 Hans Adriaanse, Nederlando
1792 Maria Popov, Svedio

# UK produktas novajn esperantistojn



Dank' al la Sveda Esperantista Junulara Unuiĝo, kiu disponigas klasĉambron en la amasloĝejo, kaj al la lerta instruisto Lars Forsman, la Universala Kongreso ankaŭ ĉijare produktas novajn esperantistojn. Forsman, aŭtoro de sep lernolibroj de la internacia lingvo, fieras pri sia nova klaso: "Ĝi estas granda kun 31 lernantoj kaj ili ege rapide lernas. Hodiaŭ, post du tagoj de lernado, ni povis paroli pri bildo kaj diskuti mallongan tekston. Ni ankaŭ studis la ki-vortojn, afiksojn kaj mi rakontis pri Zamenhof."

La klasanoj en la amasloĝejo havas tre diversajn kialojn lerni Esperanton. "Mia edzino parolas Esperanton," diras Jan Pärke. Post dek jaroj de geedziĝo kun esperantistino, li decidis eklerni la internacian lingvon. Kial nur nun? "Bona demando. Mi ne havas respondon. Antaŭe mi pensis ke estis malfacile komenci lerni Esperanton. Nun mi scias ke tio ne veras. Mia edzino kompreneble tre kontentas. Tamen ŝi baldaŭ ne povos uzi Esperanton kiel sekretan lingvon."

Polino Nina Sjöqvist loĝas en Svedio ekde 1968. Ŝi ĉiam volis lerni Esperanton sed antaŭe ne havis la ŝancon. "Antaŭ du semajnoj mi vizitis amikon, kiu ne konas Esperanton, kaj hazarde vidis informon pri la Universala Kongreso." Sjöqvist fieras pro tio ke Zamenhof estis polo. "Nun mi estas tre entuziasma."

Laŭ Bjorn Samuelsson, Esperanto estas logika kaj bela lingvo kaj pro tio li nun studas ĝin. "Mia fratino tamen diras ke lerni Esperanton estas perdo da tempo kaj ke mi devas lerni utilan lingvon kiel la anglan." Samuelsson el Gotenburgo jam vizitis la gufujon de la amasloĝejo kaj post nur kelkaj tagoj de lernado provis paroli esperante. "Mi devis iom peni sed oni klare kaj malrapide parolis, por ke mi komprenu."

"Miaj lernantoj ĉiam diras ke la angla estas malfacila lingvo," diras Mia Larson. Ŝi studas lingvojn ĉe la gotenburga universitato kaj ankaŭ instruas la anglan. "Pro tio mi interesiĝis pri Esperanto. Ĝi estas facile lernebla." Larson konsideras Esperanton kiel bonegan helpon por lingva scio.

Instruisto Lars Forsman konscias ke kvin tagoj de klasoj ne sufiĉas por flue paroli. "Oni tamen povas akiri bonan bazon."

Dafydd ap Fergus
*kiu ankaŭ fotis*

# Kasisto sonas la alarmon

"Mi ne bone scias kiel alfronti la jaron 2004," diras Johan Derks, financa respondeculo pri la Brusela Komunikadcentro (BKC). Tio evidentiĝas post la raporto de Derks, ankaŭ kasisto de Eŭropa Esperanto-Unio. Li havas la malfacilan taskon finance administri kaj vivteni la Bruselan Komunikadcentron. "Ekde venontjare ni eble devos ĉesigi ĝin," li agnoskas. La Brusela Komunikadcentro dum du jaroj ricevis financan helpon de UEA. Pro buĝetaj malfacilaĵoj 2004 estos decida jaro por la BKC.



(fotis Dafydd ap Fergus

"Jen mi elpensis veton. Ĉu esperantistoj pretus financi la BKC per 0,5 eŭrcendoj de siaj enspezoj? Se la BKC ne ekzistos dum 2004, tiukaze la vetantoj ricevos sian vetmonon," klarigas Derks. La mono estos gardita de la kasistoj de la Landajn Asocioj kaj vetantoj partoprenos lotumadon. La propono ankaŭ ricevis la emocian subtenon de la prezidanto de UEA, Renato Corsetti, kaj de la prezidanto de Eŭropa Esperanto-Unio, Seán Ó Riain. "La BKC jam havas tutmondan signifon por la movado kaj multe helpas Landajn Asociojn en ĉiuj mondpartoj rilati kun ĵurnalistoj," diras Derks.

Por ekscii pli bv. kontakti Johan Derks, kasisto@lingvo.org aŭ derks.esp@tiscali.nl

Dafydd ap Fergus

# Postkongresa gazetara agado

## Via helpo bonvenas

Post sukcesa antaŭkongresa gazetara agado kun pli ol 100 artikoloj aŭ radioelsendoj en dudeko da landoj, UEA petas vin kunhelpi en postkongresa gazetara agado. Sufiĉas viziti la interretan paĝaron http://www.lingvo.org/eo/3/403 kaj tie elekti vian nacilingvan version de la antaŭpreparita gazetara komuniko. Vi devas nur adapti ĝin laŭ viaj personaj donitaĵoj kaj poste sendi al viaj lokaj aŭ regionaj gazetoj.

Se via lingva versio ne estas inter la jam ekzistantaj, bv. konsideri traduki ĝin laŭ la esperanta originalo. Bv. tiucele kontakti unue la Bruselan Komunikadcentron rete <marko.lins@lingvo.org>.

Anticipan dankon pro via kunlaboro.

# "Kantu iom en esperanto"

Al tio instigas la ĵaŭda eldono de la Gotenburga ĵurnalo *Göteborgs-Posten* kaj publikigas la tekston de kanto, kiun tre multaj svedoj parkeras. Temas pri la nacia himno, tradukita en esperanton jam antaŭ proksimume 100 jaroj de A. Kofman, ne mem svedo, sed tiam tre produktema tradukanto.

Mi volas atentigi ĉiujn, kiuj proponas reformojn de la skribo de esperanto, ke la ĵurnalo, sen speciaiaj esperanto-konoj, montras la tekston kun la supersignitajn literojn tute ĝuste. Pli frue en la semajno io simila okazis ankaŭ en la ĵurnalo *Dagens Nyheter*, kiu tamen ricevis iom da helpo de ni.

Franko Luin

## Sjung en bit på esperanto!

**ATENTU!**
Yuneiko-terapio (vendrede en salono Adamsson NE okazos pro subita forvojaĝo de Sigita Staišiunaitė, kiun trafis familia tragedio.

## ONIDIRAS

En Gotenburgo oni rakontas pri stokholmano, kiu decidis veturi al la 88-a UK aŭtostope. Surveje li ĉe vojkruciĝo haltigis aŭton kaj demandis:

—Ĉu estas proksime ĝis Gotenburgo?
—Jes, estis la respondo.
—Ĉu mi povas enaŭtiĝi?
—Jes, estis la denova respondo.

Post duhora veturado:

—Ĉu vere estas proksime ĝis Gotenburgo?
—Ne plu, la ŝoforo respondis.

# Valoraj objektoj en la ĉi-jara aŭkcio

Ĉi-jare la aŭkcio, kiu okazos en vendredo (13:15, salono Lapenna), estos aparte interesa. Kolektantoj bonvolu noti, ke ĝi enhavos plurajn tre rarajn objektojn. Vendonumero 8, ekzemple, estas la verko *Preter la vivo* de Julio Baghy (1-a eld. 1923), aŭtografe dediĉita de la aŭtoro al Teo Jung. Teo Jung figuras ankaŭ en vendonumero 10, per sia originala verko *Preĝo, Ho donu al mi vastan koron* (1967). Temas pri numerita ekzemplero dediĉita aŭtografe de la aŭtoro.

Vendonumero 11 estas ekzemplero de la traduko de *Patroj kaj filoj* de I. S. Turgenjev, fare de Kabe (K. Bein). Tiu volumo estas komplete unika en tio, ke ĝi estas dediĉita al la ricevanto per originala manskribita poemo de Baghy, kun lia subskribo. Verŝajne temas pri la plej valora objekto en la ĉi-jara aŭkcio.

Sed preskaŭ egale valora estas vendonumero 12, la kolektiva verko *Kvaropo* de Auld, Dinwoodie, Francis kaj Rossetti (1952) kun subskriboj de ĉiuj kvar aŭtoroj.

Vendonumero 13 estas ankaŭ aparte interesa. Temas pri ekzemplero de *Kontralte* de Marjorie Boulton (1955), dediĉita al A. Hoogvliet "kun danko pro grava helpo je la instalado de la UEA-oficejo" kun subskriboj de Ernfrid Malmgren, David Kennedy, Ivo Lapenna kaj du aliaj estraranoj de UEA.

Numero 15 estas malofte trovebla traduko el la 1930-aj jaroj, la kvin-voluma antikva *Kroniko japana*, en traduko de Kyuiti Nohara.

Eksterordinare interesa el historia vidpunkto estas numero 17, unu simpla multobligita folio el septembro 1945. Temas pri la unua postmilita bulteno de Pola Esperantista Societo, kun informoj pri la tragika sorto de familio Zamenhof kaj aliaj esperantistoj.

Kaj se temas pri militoj, vendonumero 18 resendas nin al la antaŭa mondmilito. Ĉi-foje temas pri triangula flago kun bela insigno de la neokazinta Universala Kongreso de Esperanto en Parizo en 1914, donaco al la aŭkcio fare de la Gotenburga Esperanto-klubo.

Novaj objektoj ankaŭ havas sian lokon en la aŭkcio. Numero unu de la tute nova libro *La Zamenhof-strato* de Roman Dobrzynski kaj Ludoviko Zaleski-Zamenhof estas inter la objektoj kiel vendonumero 26, kun aŭtografoj de la aŭtoroj. Vendonumero 28 estas la nova kompakta disko de la UK Rejkjaviko 1977 kun subskribo de la aŭkcianto (kaj tiama prezidanto de UEA) Humphrey Tonkin.

Fine, oni povos aĉeti kongreslibron de Gotenburgo kun subskriboj de sep estraranoj de UEA (vendonumero 29) — kaj, kiel vendonumeron 27, la rajton elekti sian kongresnumeron kiel aliĝinto al la UK Pekino (kondiĉe, ke ne temas pri la jam vendita numero 1!).

Nepre venu al la Aŭkcio vendredon je 13:15 en Lapenna por ĝui la spektaklon kaj fari viajn ofertojn.

# Raporto el la amasloĝejo

El la plej belaj kaj altaj etaĝoj de la Kongresa hotelo 'Gothia Towers' oni apenaŭ distingas la lernejon kie loĝas nepagipovaj esperantistoj. Ankoraŭ malpli konata al kongresistoj estas la voluntulino de Sveda Esperantista Junulara Unuiĝo (SEJU), Lovisa Gustafsson (vidu bildon). Je la komenco de la Kongreso, Gustafsson estis sola organizante loĝejon por ĉirkaŭ 200 nepagipovaj esperantistoj. "La Internacia Junulara Kongreso ne okazis en Litovio, kiel planite, sed en la sveda urbeto Lesjöfors. Multe da voluntuloj ĉeestis en Lesjöfors kaj do ne povis veni unu semajnon poste por helpi en Gotenburgo," klarigas Gustafsson.

La SEJU-prezidantino prenis liberan semajnon de sia laboro kaj venis la 25an por prepari. "Dum la unuaj tagoj mi dormis malmulte, ĉar estis tro da laboro dum la akceptado de esperantistoj." Alvenis ĉirkaŭ 200 homoj kaj ankaŭ estis organizita por 31 homoj senpagan kurson de Esperanto. La laboro komencas frue matene kaj ofte bezonas dejoradon en la Gufujo kie eblas aĉeti drinkaĵojn kaj kukojn ĝis la 3a aŭ 4a matene. "Post la gufujo mi estas iom laca," agnoskas la 24-jaraĝulino. Tamen ŝi forte substrekas la utilecon de malmultekosta loĝado por junaj kaj nepagipovaj partoprenantoj de la Universala Kongreso.

"SEJU jam promesis fari amasloĝejon kaj devas esti loko en UK por homoj, kiuj ne havas la monon por multstelaj kaj multekostaj hoteloj." La prezo de maksimume 50 eŭroj por tuta semajno favore komparas al la plej malaltaj gotenburgaj hotelprezoj de ĉirkaŭ 50 eŭroj po nokto. Laŭ Lovisa tiu prezdiferenco altiras pli da esperantistoj al la Universala Kongreso. Lovisa aparte laŭdas tiujn amasloĝantojn, kiuj voluntulis plenumi diversajn taskojn por helpi ŝin. "Multe da homoj estas ege helpemaj kaj komprenemaj. Mi fakte ĝojas fari la amasloĝejon."

SEJU faras la eksperimenton permesante homojn, kiuj ne partoprenas la Kongreson ankaŭ loĝi en la amasloĝejo. "Ni volas inviti neesperantistojn kaj homojn, kiuj volas veni kun esperantistaj geamikoj por ĝui la internacian etoson." Tamen la decido de SEJU ankaŭ permesi la partoprenadon ne nur de maljunuloj, sed ankaŭ de neesperantistoj, ricevas kritikon de diversaj flankoj. La ĉefaj plendoj estas pri la forta ronkado de viraj maljunuloj."En mia ĉambro, je la dekstra kaj mal dekstra flanko, ili terure ronkas," agnoskas sveda junulo Janko Luin. "Tamen oni devas distingi inter ronkantajn kaj neronkantajn maljunulojn. Eble ne ĉiuj viraj maljunuloj tiom ronkas." Spite al la plendoj la vasta plejmulto forte laŭdas SEJU-n kaj ties prezidantinon Lovisa. "La gufujo estas elstara, preskaŭ ĉie regas honega etoso, la prezoj estas decaj," diras la slovaka junulo Martin Minich.

Informo: La gufujo de la amasloĝejo estas malfermita ankaŭ vendrede nokte ĝis la 3a.

Dafydd ap Fergus
*kiu ankaŭ fotis*

# Verdaj sukcesoj

"Estis sukcesa kunveno," diras Daithi Ó Héalaithe, protokolisto por la Asocio de Verduloj Esperantistaj (AVE). Ó Héalaithe aparte kontentas, ĉar la Eŭropa Federacio de Verdaj Partioj ripete rezoluciis favore al Esperanto. Ĉeestis 56 verduloj esperantistaj kaj la asocio bone fartas dank' al nia lerta sekretario Manfred Westermayer.

AVE laboras nun por enmeti Esperanton kaj lingvan egalecon en la programo de verdaj partioj por la balotado por la Eŭropa Parlamento en 2004. La prezidanto de UEA, Renato Corsetti ankaŭ venis al la ĵaŭda kunveno por aparte gratuli kaj danki kaj substreki la gravecon de la verduloj por la estonteco de la movado. "Estis neniuj plendoj pri nia agado," ĝojas Ó Héalaithe.

La retejo de Asocio de Verduloj Esperantistaj www.comlink.apc.org/ave.

Dafydd ap Fergus

# RAPORTOJ

## "Vi ludas per via koro"

Salono Lapenna estis plenplena de publiko, ĉarmigita de la talento de la juna rusa pianisto Andreo Korobejnikov.

Mia unua renkontiĝo kun li estis dum la neforgeseblaj tagoj de la 86-a UK en Zagrebo en 2001. Tiam la 15-jara knabo gajnis niajn korojn per la sincereco de sia ludado kaj nun li denove ensorĉis nin per kaj pro la miraklo nomata "muziko".

La Beethovena *Appassionata* tuj kaptis nian atenton, kaj kelkajn muzikajn perlojn de Skrjabin, Ŝĉedrin kaj Ĉajkovski malkovris la pasion kaj la teneron de la rusa klasika skolo, forte influante ne nur al niaj sentoj, sed ankaŭ al nia menso per sia beleco.

La brila tekniko kaj la virtuoza interpreto de Andreo vere ĝojigis kaj feliĉigis la publikon.

La plej sincerajn vortojn pri lia ludo eldiri sinjorino Britta Rehm: "Vi ludis ne nur per viaj fingroj, sed ankaŭ per via koro." Ludante por ni Andreo vere donacis al ni sian koron.

Dankon, Andreo!

Antoaneta Nikolaeva, KN 1294

## Genealogoj

Al iom pli ol dudek kunvenintoj Claude Nourmont prelegis pri la bazaj esplorteknikoj kutime uzataj de genealogoj. Kie komenci, kiel avanci, al kiuj fontoj turni sin, estis kelkaj el la interesaj temoj, kiujn, uzante sian propran familian esploron kiel ekzemplon, la prelegantino brile prezentis. Fine estis demandoj de la ĉeestantaro.

Genealogoj esplorantaj pri familiaj radikoj en aliaj landoj kun nekonataj lingvoj povus trovi en Esperanto unikan helpon. Tion atestis franco, kiu rankontis kiel, nur dank' al Esperanto, li povis, rapide kaj sen grandaj kostoj, havigi al si naskiĝatestilon de avo lia en Argentino.

Francisco L. Veuthey, 587

## Ekumenaj aranĝoj dum la kongreso

La unuan aranĝon, dimanĉan ekumenan servon, ĉeestis pluraj centoj da kongresanoj. Ĵaŭdon la aranĝoj daŭriĝis. Ĉe la faka budo oni havis eblecon ekkoni diversajn kristanajn eldonaĵojn, inter alie "Adoru" (kant- kaj preĝlibro), kaj en libra formo kaj en formo de kompaktdisko. La vizitantoj povis spekti fragmentojn de la 15a ekumena esperantokongreso, kiu okazis en Zagrebo antaŭ du jaroj. Posttagmeze kunvenis kristanaj esperantistoj. Inter alie aŭdiĝis prelego pri sankta Birgita.

Marija Belošević, KN 132

## IKEK-kunveno

La kunvenon de IKEK (komunistoj) prezidis IKEK-estrarano D. Rooke kaj R. Pontnan. Ĉeestis ĉirkaŭ 24 interesitoj, kiuj diskutis la temon lingvaj rajtoj kaj respondecoj. Rakontis pri la lingva politiko de komunistaj ŝtatoj R. Pontnan, kaj pri Sovetio kaj pri Albanio. Krome ni pridiskutis la hegemonian rolon kaj politike kaj lingve en diversaj ŝtatoj, ekzemple en Venezuelo kaj Serbio — eksa Jugoslavio. Okaze de la venonta universala kongreso en Pekino, IKEK alvokas al partopreno de kolokvo en la nun ankoraŭ plej granda komunista lando Ĉinio.

D. Rooke KN 332

## Nova kanto inaŭgurita

Inter la jam konataj inaŭguriĝis dum la koncerto de la Kongresa koruso nova muzikpeco Esperantlingva. La komponisto Franz-Georg Rössler verkis ĝin laŭ propra teksto ("Kongreso en Gotenburgo") en leĝera stilo por trivoĉa miksita ĥoro kaj fluto kun piana akompano.

## Esperanto trans la generacioj

... estis la temo, kiu allogis ĉ. 60 gekongresanojn dum kunveno de la novstila "Instrua dimanĉo". Oni detale pritraktis, sub la gvidado de Amri Wandel, la tri generaciojn de la Esperanto-socio, kaj la rimedojn por ne perdi esperantistojn dum la t.n. "aĝo-breĉoj".

Ja ni devus doni apartan atenton al la geknaboj inter 14-18-jaraj (1-a breĉo) kaj la plenkreskuloj inter 30-60-jaraj (2-a breĉo) kiam ili pro familia kaj profesia kariero, forlasas la movadon.

Intervenis en la vigla debato, inter aliaj, Francisko Simonet, Kim Jan Henriksen (denaskaj esperantistoj), Kristoforo Fettes (gvidinto de Infanaj Kongresetoj), Ursula Grattapaglia (Bona Espero) kaj Katarina Bodnarová (redaktorino de la notinda revuo "Familia Esperanto", abonebla por 10 eŭroj ĉe UEA).

**Pli da raportoj aperos en Kuriero 7, kiu aperos sabate**

# Trovitaj pliaj ZEOj

Ĉu vi scis, ke en la UK-urbo troviĝas pliaj ZEOj? Eble ne, same kiel mi ĝis hieraŭ. Sed tute hazarde mi vizitis rozĝardenon kaj tuj mi trovis *Prosperon*. Do, temas pri la rozo kultivita en la jaro 1983 de Austin.

Tamen post kelkaj paŝoj venis pliaj agrablaj surprizoj, plia ZEO: *Responso* (Berger 1981); laŭ PIV ni povus eble listigi ankaŭ: *Parole* (Kordus Söhne 2001) kaj *Elegante* (Ducher, 1918) kaj fine denove Austin kun *Perdita* (1983). Estus intereso esplori iom pli pri tiuj rozspecoj. Eble ankaŭ pri pliaj.

Marija Belošević, KN 132

# Fondaĵo Hans

Memore al Hans ten Hagen, unu el la plej aktivaj esperantistoj el Nederlando, forpasinta en marto 2003, estas starigita Fondaĵo Hans, kies celo estas eduki instruistojn en Afriko. La komencan kapitalon de 100 000 eŭroj disponigis la familioj Hagen-Renses kaj Bakker-ten Hagen. Eblas disponigi renton de kapitalo (lasante monon sur la propra konto) aŭ donaci monon al la fondaĵo. Subtenproponojn adresu al Fondaĵo Hans ĉe la Centra Oficejo de UEA.

88-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO Göteborg

# KURIERO A

ALDONO AL KONGRESA KURIERO DE LA 88-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO · GÖTEBORG, LA 27-AN DE JULIO 2003

*Landlime ĉe la Eŭropo-Ponto de Slovakio al Hungario trans la Danubo*

# La Libera Eŭropia Universitato *Akademia Kelemantia* Komarno

## *Invito al la Esperantistaro, subteni (instruante, studante, organize, varbante, investante) projekton de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino*

Antaŭ kelkaj monatoj la *Akademio Internacia de la Sciencoj* (AIS) *San Marino* startis en atendoiandoj de la Eŭropa Unio (EU) du interligitajn universitatpedagogiajn iniciatojn, kiuj ne lastvice estu kontribuo al la flegado de la tipe eŭropa trezoro de kulturoj kaj ilin portantaj lingvoj. En kaj per la ŝtata universitato *Lucian Blaga* Sibiu-Hermannstadt malfermis AIS la 21-an de februaro 2003 la *Internacian akademian Fakultatdepartementon por Sciencrevizio, Universitatpedagogio kaj Eŭrologio*. La 9an de majo estis senvualigata ĉe la pitoreska Eŭropa Placo en Komarno, apud la Domoj San Marino, Kimrio kaj Skotlando, de la jam fin konstruita fasado de la Domo Gronlando la fondoŝtono por la *Libera Eŭropia Universitato Komarno*. Ĉi tiu neŝtata universitato planas komenci sian instruadon en la aŭtuno 2003 per unuaj studaddirektoj grandparte malĉeaj. La komuna instruistaro de ambaŭ universitataj klerigejoj konsistas el membroj de AIS. La precipa parto de la pluevoluigplano estas la plivastigo de ĉi tiu instruistaro per pluaj sciencistoj kaj sciencaplikantoj lingve samkapablaj.

## Sibiu-Hermannstadt, Komarno kaj AIS

Sibiu-Hermannstadt estis fondata antaŭ 8 jarcentoj fare de germanaj setlantoj en la centro de la nuna Rumanio. 1920 la Hungaro Andreo Cseh tie ellaboris kaj ekaplikis al la instruado de Esperanto sian faman kursmetodon. Kvankam intertempe la Germanoj tie fariĝis minoritato kiel la Hungaroj, la aktuale deĵoranta urbestro estas Germano. La rektoro de la la universitato, Dumitru Ciocoi-Pop, profesoro pri amerikanistiko, estas hungardevena. Li staras je la pinton de la universitato kune kun prezidanto havanta germanan ŝtatanecon kaj estinta vicprezidanto de la germana universitatrektoraro. En pluraj aliaj urbaj klerigejoj (de la infanĝardeno ĝis la gimnazio) la instrulingvo por la hodiaŭ plejgrandparte rumanaj infanoj restis la Germana. Ekde la unua tago de la 1990 okazinta refondo de la krome rumanlingva universitato AISanoj el pluraj eŭropaj landoj kontribuadis kaj kontribuas al la regula kursaro (komence kiel gastdocentoj, poste kiel honoraj profesoroj). Ilia instrulingvo estas parte la Germana, sed plejgrandparte la Internacia Lingvo (ILo) de Doktoro Esperanto.

## Apud la iama romia fortikaĵo

*Kelemantia* (laŭ kiu la Libera Eŭropia Universitato Komarno portas la latinan nomaldonon „Academia Kelemantia") estis romia fortikaĵo, ĉe kiu ekestis ambaŭflanke de la Danubo la urbo Komorn. Post la disfalo de la aŭstra-hungara monarkio Komorn estis disigita al la hungara urbo Komarom kaj la pli granda, plejgrandparte ankaŭ hungarlingva urbo Komarno, kiu apartenas al la hodiaŭa Slovakio. Ambaŭ partojn de la antaŭa Komorn (ŝatataj fare de la eksterlandaj feriumantoj aparte pro siaj termoj kaj malaltaj prezoj) kunligas la Eŭropo-Ponto trans la Danubon. Komorn estas atingebla trajne, ŝipe kaj eĉ aviadile, ĉar de la flughavenoj de tri ĉefurboj — Wien, Budapest kaj Bratislava — oni atingas ĝin aŭtomobile dum po unu horo. En la historia urbocentro de Komarno estis inaŭgurata en 2000 la impona Eŭropa Placo kun fasadoj en la stilo de la diversaj eŭropaj landoj. Ĝi fariĝis unika atrakcio al turistoj.

Kvankam AIS estis fondata surbaze de decido de la sanmarina registaro (okazinta la 19an de Majo 1983 pro instigo fare de la longjara klerigministrino Fausta Morganti, gimnazia instruistino de la Germana), la Akademio plenumis jam baldaŭ sian esploran, evoluigan kaj instruan agadon plejgrandparte ekster tiu plej malnova respubliko de la mondo (kaj plej malnova, memstara lando de Eŭropo): unue en Pollando, nome en Bialystok, la naskiĝurbo de Zamenhof, kaj en la germana universitaturbo Paderborn, post la politika ŝanĝiĝo ankaŭ en Rumanio, Ĉeĥoslovakio kaj la el ĉi tiu ekestintaj Ĉeĥa kaj Slovaka Respublikoj, en Belgio, Italio, Rusio, Meksikio, Koreio kaj Bulgario. Komence AIS subskribis en ĉi tiuj landoj kunlaborkontraktoj plejofte kun ŝtataj universitatoj. En Sibiu-Hermannstadt kaj precipe en Komarno AIS nun ankaŭ memstare „mure kaj jure" enradikiĝas.

## Serĉado de profesoroj kaj docentoj. Kvalifikiĝa kurso

AIS ofertas en Komarno kaj Sibiu-Hermannstadt al universitataj profesoroj, docentoj kaj aliaj instruantoj — ĉu emeritiĝintaj, ĉu ankoraŭ deĵorantaj — la eblon, instrui plentempe aŭ per blokaj kursoj unu aŭ du semajnojn ampleksaj. Ankaŭ finstudintoj, kiuj laboras aŭ laboris ekster universitato, povas kiel gastdocentoj realigi blokkursojn kaj per universitatpedagogia kromkvalifikiĝo celi la alvokon kiel honoraj profesoroj. Ĉi tiu studadkompletigo (la unua inter la jam programitaj studaddirektoj) estas oferto unuavice al postdiplomitoj kaj aliaj studentoj, kiuj per ĝi emas akiri opcion por universitatkariero.

## Akiri propran studion aŭ almenaŭ loĝrajton en la universitata konstruaĵo.

La arkitekta plano de la Akademidomo Komarno antaŭvidas — krom aŭlon kaj seminariejojn — ankaŭ kelkajn loĝstudiojn, kiuj estas antaŭviditaj kiel privataj loĝproprietaĵoj. Al ili estas ligitaj proporciaj proprietpartoj de la universitatejoj, tiel ke ĉiu aĉetanto de studio, paganta entute 100.000 eŭrojn, fariĝas samtempe kunposedanto de la neŝtata universitato. Ĉi tio estas ofertata ne nur al unuopaj instruontoj, sed ankaŭ al sciencaj aŭ aliaj kulturaj institucioj, ekzemple al la Eŭropa Jurscienca Universitato kaj al la neŝtata universitato Info-Rutenia en Moskvo same kiel al UEA, SAT kaj al landaj aŭ fakaj asocioj internacilingvaj.

Ne nur kultura asocio, registrita kiel jura persono, aŭ natura persono, celanta ekskluzivan propran uzadon aŭ gastigadon de geamikoj, povas akiri unu el la planitaj 12 studioj en la Akademidomo Komarno. Eblas ankaŭ aĉeti loĝstudion por sia familio kaj proksimaj parencoj aŭ kune kun sam ranga partnero. Kiu ne nepre deziras ekskluzivan uzadrajton de „propraj kvar muroj" (temas pri pli da muroj!), sed tamen strebas al loĝrajto en la Akademidomo por la daŭro de ekzemple 4 semajnoj jare kune kun la eblo, postlasi valizon dum foresto, povas fariĝi tia partnero pere de *Akademidomaro GmbH* disponigante komanditon (en la ekzemplo: 10.000 eŭrojn).

## Lingvopolitika strategio aplikata

Ankaŭ kun la pli ol 13.000 membrojn forta, rapide plukreskanta *„Ligo por Konservo de la Germana Lingvo (VDS)"* komencis intertraktoj pri sinergion haviga kunlaboro en Komarno. En la EU, kiu plukreskos al la *„Eŭropio"* (al kiu apartenos Komarno jam ekde 2004, Sibiu malmultajn jarojn poste) la Germana estas la centra lingvo kaj la lingvo de la granda plejmulto, do forta demokrata argumento kontraŭ la minaco, ke oficialiĝos kiel „la Eŭropia Lingvo" la Angla anstataŭ Esperanto. Celante (kiel AIS kaj la Esperanto-movado) *neŭtralan* lingvan fundamenton, en la eŭropia mondregiono estas uzebla kvazaŭ kiel Troja ĉevalo la neakceptota sed legitima postulo, oficialigi la Germanan. Sed tion postulante germana asocio kiel la VDS aspektus ŝovinisma, se ĝi ne samtempe (almenaŭ marĝene) mencius kiel akcepteblan eventualan alternativon la enkon-

dukon de la neŭtrala lingvo por la rolo de komuna eŭropia interkompreniĝlingvo. Jen la simbiozo celita per la decido, ke la du laŭstatutaj instrulingvoj komprenendaj de ĉiuj studentoj de la Libera Eŭropia Universitato Komarno (same kiel de la studentoj de la Sibiua fakultatdepartemento) estu ILo kaj la Germana.

La klerigejoj en Sibiu-Hermannstadt kaj en Komarno estas interligitaj ne nur per komunaj instruplanoj kaj instruantoj sed ankaŭ per interŝanĝo de studentoj. Ili akiras en antaŭkursoj aŭ en la unua studjaro la kapablon komprenante legi tekstojn kaj aŭdi prelegojn en ambaŭ instrulingvoj de ĉiuj devigaj kursoj, do en ILo kaj en la Germana. Plue ili akiras la komunikadkapablon en almenaŭ unu de ambaŭ. Nur de ILo kaj nur de finstudantoj estas postulita ankaŭ la aktiva rego, por havi la kapablon, skribi sian studfinan verkaĵon (cele bakalaŭriĝon, magistriĝon, doktoriĝon aŭ habilitdoktoriĝon) *dulingve*: kaj en la propra etna penslingvo de la kandidato, kaj en ILo kiel preciza, konciza, facile akirebla kaj neŭtrala internacia planlingvo. Tiel estas plenumebla la AIS-postulo de „kognitiva dulingveco". Unulingveco dependigas la pensadon de specifaj kliŝoj kaj tiel ĝin misgvidas. Repensado per dua lingvo pliakrigas kaj profundigas la pensadon, tiel kiel duokuleco la vidadon. Kondiĉo estas, ke la dua okulo samakre vidas, resp. ke la dua lingvo sambone estas regata kiel la unua. Tia grado da perfektiĝo ja eblas en taŭge planita lingvo, kiel ILo, sed fare de malmultaj sciencistoj ankaŭ en historie evoluinta etna lingvo.

Nek nur la pruvita fakto de la unulingva delogo de la pensado pravigas la difinon de la du precipaj instrulingvoj de la fakultatdepartemento en Sibiu-Hermannstadt kaj de la Libera Eŭropia Universitato Komarno, nek nur la pragmatika konsidero, ke la Germana estas por la plejmulto de la atendataj instruantoj kaj studantoj la unua (plejofte la ununura) pensadlingvo. Akiri sufiĉan komprenkapablon de la Germana utilas ankaŭ por aliaj eŭropianoj. Per sia lingvopolitika decido, per kiu ĝi forte diferenciĝas de la *„main stream"* de la scienca mondo, AIS ne lastavice celas kulturpolitike kontribui al la evoluigo de aŭtenta Eŭropio. Ĉi tiu povus resti samranga partnero nek de Nordorientazio nek de Nordameriko, se ĝi oficialigus la Rusan aŭ la Usonan kiel propran, komunan interkompreniĝlingvon, lasante degeneri Eŭropon eĉ kulture al nura apendico de ĉi tiuj du najbaraj nordaj mondregionoj. La konstitucio de AIS, valida ekde la 19a de majo 2003, same kiel la statutoj de la ekrealigataj projektoj en Sibiu-Hermannstadt kaj Komarno, tial supozas, ke estas pro demokrataj motivoj dezirinde, pro lingvopedagogiaj konsideroj utile kaj pro sciencaj kaj ekonomiaj bezonoj racie, ke pli aŭ malpli frue ekestu en Strasburgo la politika decido, ja konservi kaj pluflegadi la eŭropian riĉecon je lingvoj, sed ankaŭ tiucele elekti komunan, neŭtralan planlingvon kiel rimedon de identeco kaj interkompreniĝo. Estus ja pro multaj kialoj taŭge, sed pro unu potencpolitika kialo malprobable, ke por tiu rolo baldaŭ estos elektata la Internacia Lingvo de Doktoro Esperanto. Tial laŭ sia statuto AIS uzas ILon ja nur „provizore" sed senprokraste kiel sian precipan laborlingvon — kaj tion ne nur (kiel kaze de la Germana) en la eŭropia mondregiono.

## Ekfunkcio

La unuaj studadplanoj de la Sibiua fakultatdepartemento kaj de la Libera Eŭropia Universitato Komarno estis prezentataj al la klerigministerioj en Bukarest kaj Bratislava en la junio. La instruado komencos fine de septembro 2003 en Sibiu kaj meze de oktobro en Komarno. Antaŭe, en la unua septembra semajno, AIS elektos en sia originlando San Marino sian senaton por 2004 – 2007. La fondorektoraro por la Komarna universitato jam estas difinita. Ĝi konsistas el la germana nobelpremiito pri ekonomiko kaj kunfondinto de la germana AIS-asocio Prof. Dr. Reinhard Selten de la Universitato Bonn, el la slovaka klerigteknologino kaj estrino de la slovaka AIS-asocio Prof. Dr. Eva Poláková de la Universitato Nitra, kaj el la ankoraŭ dejoranta fondoprezidanto de AIS, la klerigkibernetikisto Prof. Dr. Helmar Frank de la Universitato Paderborn. Ĉi tiuj du lastaj reprezentantoj estos samtempe dekanoj de la du unuaj fakultatoj, nome de la *Internacia Fakultato por Interfakaj Studoj, Sciencrevizio kaj Universitata Pedagogio* (fakultato, en kiun sin enkorpigos la tuta scienca sektoro de AIS) kaj de la *Europia Fakultato por Minoritataj Kulturoj, Kulturprotektado kaj koncertigita Eŭropia Evoluigado*. Kiel dekanon de la tria fakultato (la *Transnacia Fakultato por la Mondvasta Dialogo inter la Kulturoj*) AIS sukcesis akiri la apogon de la itala orientalisto, ŝemidisto kaj interlingvisto Prof. Dr. Fabrizio Pennacchietti de la Universitato Torino — iama prezidanto de Eŭropa Klubo.

Ne nur rilate instrukapaciton sed ankaŭ rilate la disponeblajn instruejojn estas certigita kaj en Sibiu-Hermannstadt kaj en Komarno la startebło en la universitata jaro 2003/2004. Detaloj troviĝas en la interreta paĝo de AIS <www.ais-sanmarino.org> kaj estas individue demandeblaj de la informofico de AIS per retadreso <info@ais-sanmarino.org>. Kiu pretas kunlabori kaj investi en Komarno povas peti individuajn konsilojn per la retadreso <epolakova@in.slovanet.sk> de la loka reprezentantino de la rektoraro respektive per <Siegfried@Piotrowski.de> de Akademidomaro GmbH.

Oni povas kalkuli kun baldaŭa ekfloro de la neŝtata universitato Komarno pro la baldaŭaj (agaj kaj monaj) investoj de pluaj partneroj. Ĉar sekve al la aliĝo de Slovakio al EU ne la majo 2004 porte plialtiĝos la prezoj ĉe la Eŭropa Placo, kie la lasta libera tereno estas aĉetita por AIS. Dume tie atendas malantaŭ la tre variaj fasadoj neuzataj apartamentoj servantaj kiel objektoj de spekulacio.

# Aktualaj okazontaĵoj de AIS

*La 26a Sanmarina Universitata Studadsesio (SUS 26)* okazos en Rimini kaj San Marino 2003-08-31/09-06 en la Scuola Dante Alighieri, Via Coletti 102, San Giuliano a mare, I - 47037 Rimini, kaj la lastajn 2 tagojn en la Gimnazio de San Marino. Lingvo-kursoj por komencantoj kaj progresintoj komenciĝos sabaton, 2003-08-30. La Solena Inaŭguro okazos dimanĉon, 2003-08-31. La sciencaj kursoj temos i.a. pri *Cardanus, Fermat, Fourier: tri kolonoj de la matematiko* (OProf. Minnaja), *Enkonduko en la teorion de strategiaj ludoj* (OProf. Fößmeier), *Alegorio en teatro* (OProf. Korjenevskaja), *La eksplodo de astronomia scio dum la pasinta duonjarcento* (OProf. Maitzen) kaj *Projektado* (OProf. Poláková). Krome okazos studfinaj ekzamenoj kun publikaj kandidatprelegoj (vendredon, 2003-09-05 en San Marino), Ĝenerala Asembleo kun elekto de la nova Senato de AIS (sabaton, 2003-09-06) kaj samtage la Solena Fermo.

Pluajn informojn havigas kaj aliĝojn akceptas la senata sekretario: Mag. J. Lewoc, Karl Schwarzschild-Weg 6 / 317, D-37044 Göttingen, rete blewo1@hrz.upb.de aŭ jlewoc@math.uni-goettingen.de.

Parto de la programo de SUS 26 estos SYMPOSIUM LATINUM kun 8-hora kurso *„De Latino sine flexione centenario"*. Praeterea de omnibus rebus latinis praelegere et disputare licet. (2003-09-01/05) Pluajn informojn havigas kaj aliĝojn akceptas Dr. V. Barandovská, Kleinenberger Weg 16, D-33100 Paderborn, rete: bbara1@hrz.upb.de

*En Karlovo (BG)* okazos laŭ propono de la bulgara AIS-asocio unua *Prova Sanmarineca Univeritata Studadsesio* 2003-09-16/24.kun kursoj, prelegoj kaj ekzamenoj. Pluan informon donas kaj aliĝojn akceptas EProf. Bojidar Leonov, Car Asen 7, BG-4300 Karlovo, rete: leonov@rozabg.com

*En Sibiu-Hermannstadt (RO)* la *Departemento Akademia Internacia por Sciencrevizio, Universitatpedagogio kaj Eŭrologio* eklaboros en la Fakultato pri Filologio kaj Teatro de la Universitato Lucian Blaga en Sibiu senpere post la bulgara ProvSUS. La unua kunsido de la Fonda Departementa Konsilantaro (vd. la departementan statuton en la marta numero de GrKG/Humankybernetik) okazos 2003-09-25 vespere en la fakultatdomo B.dul Victoriei. Kursoj kaj prelegoj komencos sekvonttage.

# Verkaĵoj el AIS

kaj *aliaj dulingvaj (internacilingvaj kaj naciilingvaj) sciencaj publikaĵoj* haveblaj ĉe la libroservo de UEA dum la kongreso aŭ mendeblaj ĉe Akademia Libroservo, Kleinenberger Weg 16, D-331000 Paderborn, fakso *49-5251-163533.

| Aŭtoro kaj *titolo* | | Eŭroj |
|---|---|---|
| *Grundlagenstudien aus Kybernetik und Geisteswissenschaft (GrKG)/Humankybernetik* ISSN 0723-4899. 4 kajeroj jare, publikiĝas en la lingvoj Germana, ILo/Esperanto, Angla, Franca, Itala. En la marte kajero 2003: i.a. statuto de la fakultat-departemento Sibiu-Hermannstadt, en la junia kajero 2003 la *Konstitucio de AIS*. | | |
| Prezo je kajero: | | 10,00 |
| **Barandovská** (red.): *Kybernetische Pädagogik / Klerigkibernetiko* volumoj 6 - 7 (en la Germana, ILo, Franca, Itala, Angla) | po | 34,50 |
| **Fößmeier / Frank:** *AIS – La Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino* | | 14,50 |
| **Frank / Franke:** *Estetika informacio / Östhetische Information.* | | 12,00 |
| **Frank / Lobin:** *Lingvo-Orientiga Instruado / Sprachorientierungsunterricht.* | | 13,00 |
| **Frank:** *Klerigkibernetiko / Kybernetische Pädagogik* | | 13,00 |
| **Frank / Maksimova:** *Informaciteorio por komunikadsciencistoj / Informationstheorie für Kommunikationswissenschaftler.* ISBN 5-87210-090-6. 3 partoj (kajeroj) kun ekzercaĵoj. | po | 4,00 |
| **Pinter** (red.): *Kibernetische Pädagogik / Klerigkibernetiko* Vol. 11 (en la lingvoj Germana, ILo, Angla, Franca) | | 59,00 |
| **Selten / Pool:** *Enkonduko en la Teorion de Lingvaj Ludoj / Einführung in die Theorie sprachlicheer Spiele* (en la lingvoj ILo, Germana, Angla, Itala kaj Pola). | | 19,50 |